VIa jaro. No 88 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 20 Oktobro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro* : *HECTOR HODLER*



## Dum la lasta duonmonato

**Por antaŭenigi la propagandon de Esperanto en Germanujo, oni starigas kapitalfondajon da $ 50.000.**

**Oni de nun pretigas karavanon al Skotlando por la somero 1911, sub la aŭspicioj de U. E. A.**

ESPERANTIAJ DEMANDOJ

## KIO ESTAS LA NOVA STATUTO DE U. E. A.?

II

En lasta artikolo ni ekzamenis la ŝanĝojn enkondukitajn de la nova Statuto de U. E. A. pri la diverskategoriaj membroj kaj la regiona organizo.

Pri la distrikta organizo, nenia grava ŝanĝo, krom tio ke, en tiuj distriktoj kie estas pli ol 100 Esperantianoj, okazos ĉiujare distrikta kunveno, kiu aŭdos la raporton de la Delegito, esploros la proponojn de la membroj kaj fiksos la distriktan agadon de la Asocio dum la jaro. Jam okazis ĝis nun neoficiale tiaj kunvenoj, kiuj donis bonajn rezultatojn. Ili estos la ĉefa elemento por la kreo de tiel necesa Esperantia distrikta vivado. Ni, pasante, denove rimarku, ke la Distrikta Delegito ne havas administran rolon, sed precipe propagandan kaj reprezentan.

La ceteraj ŝanĝoj rilatas al la centra organizo de U. E. A. Ĝis nun la gvidado de la Asocio kaj funkciado de ĝiaj diversaj servoj estis komisiata al okmembra komitato ; ĉiu el tiuj membroj prizorgis specialan fakon, kiu laŭ nia unua penso devis havi memstaran, ekziston, tiel ke estu diversaj centroj de U. E. A. La praktiko baldaŭ montris la nerealigeblecon de tiu ideo. Fakte, la tuta materiala laboro estis plenumita ĉe la administra fako, dum la komitato zorgis precipe pri la ĝenerala gvidado de la Asocio. Ni do alkonformigis la Statuton al tiu situacio kaj plene apartigis la komitaton el la efektiviga aŭtoritato. Do, de nun, la ĝenerala gvidado de la Asocio estos komisiata al komitatato de dek membroj kaj tri anstataŭantoj, balotataj de la Delegitoj, kaj la efektiviga administra kaj kontrola laborado al la Centra Oficejo de U. E. A., sidanta en Ĝenevo.

La Centra Oficejo de U. E. A. konsistos el direktoro, vicdirektoro, fakestroj, elektataj de la komitato kaj respondaj rilate al ĝi, kaj oficistoj. Ĉiuj tiuj personoj zorgos pri la administrado de la Asocio kaj de ĝiaj servoj, efektivigo de la decidoj de la komitato, k. t. p.

La Kongreso, kiel ĝis nun, konsistos el ĉiuj Esperantianoj. Ĝi ekzamenos la situacion de la Asocio dum la jusa jaro, esploros la proponojn de la komitato kaj de la membroj, kaj laŭ ili fiksos la ĝeneralan agadprogramon dum la jaro.

Ni ankoraŭ atentigu pri du punktoj.

Ĝis nun la organizo de nia Asocio estis bazita laŭ la teritorio : la Esperantianoj estis grupigitaj kaj reprezentitaj laŭ la regionoj, laŭ la landopartoj, kiujn ili loĝas. Sed flanke de tio, en la lastaj jaroj kreiĝis, paralele kun la teritoria grupiĝo laŭ fakaj interesoj, ĉu profesiaj, ĉu idealaj. La homoj ne nur rilatas kun homoj de sama regiono, ĉar ili loĝas komunan teritorion, estas submetataj al samaj naturaj kondiĉoj ; la homoj nuntempe rilatas pli kaj pli kun homoj de aliaj landopartoj, sed de sama fako ekonomia aŭ intelekta. Paralele kun tera solidareco, ellaboriĝas profesia, idea solidareco, kiun konkretigas la asocioj kaj societoj — liberaj grupiĝoj de homoj kun komuna neteritoria intereso. Tiu ĝenerala tendenco ankaŭ observiĝas en nia afero: ekster la regionaj societoj kreiĝis internaciaj asocioj (T. E. K. A., Fervojistoj, Studentoj). Ŝajnas al ni juste kaj profite por ambaŭ, ke tiuj grupiĝoj ne estu lasataj flanke de nia agado, sed ke ili male partoprenu en ĝi kaj reprezentu en nia Asocio tiun tendencon, kiu fariĝas ĉiutage pli atentinda.

Sekve de tio la Statuto enkondukis tiun regulon ke ĉiu faka internacia organizajo, kalkulanta pli ol 50 membrojn, elektos unu reprezentanton, kondiĉe ke ĝi estu Esperantia Asocio aŭ Entrepreno. Tiu reprezentanto ne havos administran rolon, sed li havos la samajn voĉdonrajtojn kiel la Delegitoj kaj servos kiel oficialaj peruloj kiam U. E. A. bezonos rilati kun faka organizajo.

Tiel ebliĝos konstanta fruktodona kunlaborado kaj jura unuiĝo inter U. E. A. kaj tiuj grupiĝoj. Plie ĝi permesos al Esperantianoj partoprenantaj sufiĉanombre en ia internacia societo neesperantista havi reprezentanton ĉe U. E. A. kaj tiel nepre atentigi tiun societon pri nia Asocio.

La alia punkto koncernas la regionajn kasojn. Niaj Delegitoj ofte plendis, ke ili povas nenion fari en sia regiono, ĉar ili disponas nenian monon, ĉu por eldoni gvidfoliojn, ĉu por aranĝi paroladon, ĉu por havi ĉiujaran kunvenon de la Esperantianoj, k. t. p. Parte forigi tiun mankon estos starigita regiona kaso kiu havos, la trioblan celon : helpi al la regiona propagando de U. E. A., pagi la elspezojn de la loka organizo de U. E. A., helpi al la diskonigo de la regiono per U. E. A. Tiu regiona kaso estos formata per donacoj kaj per parto de la kotizajoj (1/2 de la aprobantoj, 1/10 de la Entreprenoj). Kompreneble, en la komenco, nur kelkaj regionoj, kie nia Asocio estas jam sufiĉe enradikigita kaj komprenata, starigos tian kason.

Ni finis tiun certe tre sekan resumon de la nova Statuto, tamen necesan por tiuj Esperantianoj, ĉiam pli multaj, kiuj ne kontentiĝas per simpla supraja aprobo de U. E. A., sed deziras esti precize informataj pri ĝia organizo kaj agado.

H. Hodler.

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

#### La alilanda komerco de Aŭstralio

La alilanda komerco de Aŭstralio por 1909 estis aparte kontentiga. La suma eksportado valoris pli ol Sm. 650.000.000 kaj elmontris pligrandiĝon da Sm. 10,275,550, dum la suma importado pligrandiĝis per Sm. 13,177,210. La plej grava pligrandiĝo troviĝas ĉe sukero, kies importado en 1908-a. valoris Sm. 2,463,610, kaj en 1909-a. Sm. 11,228,863. La plej altan punkton pri [illegible] 1907-a., kiam estis rikoltitaj pli ol 214,000 tunoj anglaj ; en la sekvanta sezono la rikolto malpligrandiĝis ĝis 165,715 tunoj, sed, kvankam tiu kvanto tre superis la produktojn en antaŭaj jaroj, ĝi facile troviĝis nesufiĉa por la aŭstralia englutado. Sub la titolo « vestajaro » sin trovas la plej granda ero de la importado, kiu en 1909 atingis Sm. 120,612.720. Tiu grava importado de vestoj el diversaj specoj malkovras bonegan antaŭvidon de la estonteco por la ĉi tieaj fabrikistoj. La eksportado de ŝaflano sole por 1909 estis duobla la valoro de tiuj « vestaj » importoj, kaj tial ke la plej granda parto de la lastaj konsistas el komercajoj pli malpli lànenhavaj, ne estas surprizante sciiĝi ke la en la lastaj tempoj malfermitaj lanajfabrikejoj de Aŭstralio jam faras kontentigan progreson, kaj ke similaj establoj ekaltiras la atenton de alilandaj fabrikistoj. Kiam ni rememoras la altan lokon kiun okupas Aŭstralio en la produktado de la plej altklasaj ŝaflanoj, estas iom strange ke iu pregresema fabrikisto ĉi-tiea ne ankoraŭ specialigis iun apartan klason el lanajoj, pro la intenco farigi el tio ion mondfama. Post malmultaj jaroj Aŭstralio devus esti notinda pro lanaj komercajoj el ia propra nekonkurebla speco, kiel jam estas diversaj landoj pro siaj tapiŝoj, silkoj, vinoj, k. t. p.

Trad. E. A. Pryke (Del. Maitland.)

#### La Terkulturado en Rumanujo

Post tri jaroj de malbona rikolto, Rumanujo, la lando nomata ankaŭ la grenejo de l'Eŭropo, ĝuas tiun-ĉi jaron superfluan bonan rikolton. Oficialaj precizaj ciferoj ankoraŭ mankas ĉar ne estis eble ke oni pretigu ilin ĝis nun.

La tiel bona stato de la nunjara terkulturo en Rumanujo certe ŝuldas multe al la tre favora vetero.

Senfrosta vintro, kvankam ankaŭ senneĝa, kaj la ĝustatempe falintaj pluvoj dum la printempo, prosperigis bonege, ne nur la aŭtunajn sed ankaŭ la printempajn semajnojn. Komence de l'printempo, la aŭtunaj cerealoj tiel alte kreskis ke oni devis enkonduki grandajn brutojn sur la kampoj, por ilin iom paŝti kaj tiamaniere malhelpi la troräpidan altkreskadon.

La tritiko precipe, superas multe la alijarajn ĉu kiel kvanto, ĉu kiel kvalito. La teritorio semita per tritiko estas pli granda ol iam ajn. Ĝi atingis preskaŭ 2 milionojn da hektaroj. La produktadon de l'tiu speco oni kalkulas je pli ol 45 milionoj da hektolitroj. Ĝi superas ankaŭ tiun de 1906 kiu atingis 40 mil. kaj oni diras ke estas pli supera ol iam ajn. Dum 1909 ĝi apenaŭ atingis 20 milionojn h. l.

La meza produktado je hektaro, kiu dum la pasinta jaro estis 11 hektolitroj kaj dum la plej riĉaj jaroj kiel 1906, apenaŭ atingis 18 ĝis 20 hektolitroj, tiun-ĉi jaron altiĝis ĝis 25 kaj eĉ 28 ie.

La ceteraj cerealoj troviĝas same en tre bona stato, escepte la maizo, kiu kvankam je fino de l'junio promesis eksterordinaran rikolton, tamen pro ioma manko da pluvo je ĝia matureco, iom malpliiĝis.

La aktiveco dume estis tre granda kaj proporcie kun la rikoltproduktado oni sentis mankon da brakoj. La milita, ministro permesis al granda nombro da soldatoj, precipe kamparanoj, iri kaj helpi tiun aktivecon. Krom tio kelkaj miloj da fremdaj kamparlaboristoj estis alvenigitaj Rumanujon.

De tiu bona rikolto, kiu estas la unua fonto de l'riĉeco de Rumanujo, post la petrolo — dependas multe ankaŭ la progresado de komercaj kaj industriaj aferoj. La eksportado de l'cerealoj jam komencis kaj oni daŭrigas kun aktiveco. Alie, antaŭ kelkaj monatoj oni kontraktis grandajn kvantojn eksterlande.

La aktiveco de l'eksportado estas tre rimarkinda. En la stacidomoj kuŝas grandaj kvantoj da cerealoj atendante esti enŝarĝitaj. La nombro de l'vagonoj destinitaj al transportado ĉiutage estas pli ol 20.000 kaj atingas eĉ 25.000. Pro tio oni volis prokrasti tiun ĉi jaron la militajn manovrojn kiujn postulis multajn vagonojn. La eksporteblaj cerealoj estas direktitaj al la danubaj havenoj Braila kaj Galaci kaj al surmarhaveno Konstanca. Nur al Braila oni direktas preskaŭ du trionojn el supremontritaj vagonoj. La prezoj ankaŭ multe malpliiĝis, ĉar dum la pasinta jaro estis 8-9 Sm. por hektolitro (proks. 80 kg.) kaj eĉ plie, nun ili varias inter 5.50 kaj 6 Sm. por hektolitro.

La panon (dua kvalito) kiu jam de 1907 oni vendis po 12 Sd. la kilogramo, nun oni vendas po 8 Sd. kaj do malkariĝas multe la nutrado de la malriĉuloj. La vinbero ne prezentas bonan kaj riĉan rikolton kiel oni esperis. La nuna rikolto apenaŭ duoniĝis.

### GEOGRAFIO

#### El la rusa provinca vivo

La vivo en Samopomoŝĉ (gub. Peterburgo) estas karakteriza por tuta Rusujo. Dormo, maldiligenteco, malgajeco regas en nia angulo, aparte nun kiam komenciĝas aŭtuno. Vere, malgaja vidaĵo estas, kiam la folioj falas teron kaj ventego ilin disportadas ĉien. Nigraj nubegoj kovras la ĉielon kaj suno ne brilas, ne varmigas kvazaŭ ĝi estus kolerigata de malfeliĉaj provincanoj kaj nun kaŝiĝas, ne dezirante varmigi malvarmigitajn homojn.

La stratoj estas malplenaj : ĉiu sidas hejme kaj trinkas varman teon, elrigardante tra la fenestro la malbonan veteron. Nur hundoj kuradas, kaj malofte, malofte, aperas vilaĝano, revenanta el najbara kampo. Pluvas preskaŭ ĉiutage... Entute, malgaja pejzaĝo. Se okazas bona vetero parto de loĝantoj iras boatveturi sur malgranda lago.

Nur dimanĉe oni povas vidi publikon ; matene en preĝejoj kaj vespere en loka malgranda teatro, kie ne tute lertaj aktoroj amuzigas oscedulojn. Post prezentajoj okazas dancoj, en kiuj la junularo montras la arton de siaj piedoj. Ludas muziko kaj alifoje regas tie gajeco kaj viva rido. Sed estas tre timige nokte. Nigra, senfina maro. Plena silento. Nur vento bruas, hundoj senkaŭze blekas, kaj nokta birdaro krias en proksima arbaro. Samopomoŝĉanoj dormas por leviĝi morgaŭ por senutila, festa ekzisto. Kie estas ci, energio? Kie estas ci, progreso?

Ŝajnas, ke ili ambaŭ dormas en provinca Rusujo...

Oftaj fajregoj, aparte en provincoj de Rusujo, igis la rusan registaron akcepti taŭgajn rimedojn de batalo kontraŭ ĉi tiu malfeliĉo. Ĉie estas fondataj fajrestingistaroj konsistantaj el junuloj, pretaj tage aŭ nokte iri al fajrego.

En tiaj urbetoj oni povus kredi, ke ĉia intelekta vivo estas neebla. Almenaŭ en multaj el ili ekzistas Esperantistoj. En Samopomoŝĉ estas jam du deko da ili, kiuj tre fervore propagandas nian noblan idealon. Nia afero kreskas kaj venos baldaŭ tempo kiam sur brustoj de ĉiuj niaj loĝantoj montriĝos la kvinpinta stelo...

Vl. As.

#### Esperanto en la IXa Kongreso por akcelado de la komerca instruado.

La 15-an de septembro en la ĝenerala kunsido de l'internacia societo por akcelado de la komerca instruado, bedaŭrinde la demando « Internacia Gazeto kaj Esperanto » ne estis pritraktita ĉar la tempo mankis kaj la kunsido prokrastis la demandon por venonta jaro. S-ro redaktoro Schrœder devis paroli kiel ĉefdelegito de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj Esperantistoj. Sed malgrandan rekompencon ni tamen devis atingi. La 16-an de septembro mi povis publike paroli pri Esperanto en la kongresa kunsido. La « G. A. E. L. » sendis al kongreso leteron en kiu oni rekomendis, akcepti Esperanton kiel kongreslingvon. Mi en malgranda parolado klarigis bezonon kaj utilecon de l'Esperanto por la internacia komerco kaj por la komerca instruado. Dum mia parolado mi sciigis la kongresanojn pri la organizo kaj laboro de U. E. A. Multaj kontentigaj alvokoj montris al mi, ke mi ne senefike parolis al kunsido. Per varmaj vortoj mi petis la kongresanojn studadi nian lingvon kaj en venonta kongreso espereble ni atingos nian dezirindan celon. Kelkaj kongresanoj dum la voĉdonado estis por enkonduki Esperanton kiel kongresan lingvon. Karaj samideanoj el diversaj landoj, laboru fervore en tiu direkto, ke ni enkonduku en tiun ĉi gravan kaj grandan societon nian karan lingvon. Bedaŭrinde por tiu ĉi kongreso ne ĉiuj eksterlandaj grupoj plenumis kontente devon rilate helpo al nia klubo.

Julius Glück. (D. Del. por Aŭstrio.)

### KONGRESOJ & FESTOJ

#### La instituto de internacia Juro

Ĉe sia lasta kunveno okazinta en Parizo, la Instituto de Internacia Juro decidis havi sian proksiman kunsidon en Madrid, dum aprilo 1911.

Anoncante la viziton, kiun por la unua fojo faros al Hispanujo tiu eminenta Korporacio, la registraro atentigas, ke la membroj de la Jura I. Instituto estas varbitaj per akuratega kaj reciproka elekto inter la juristoj kaj publicistoj plej bonfamaj el la tuta mondo. Ĝia celo estas la progreso de la internacia Juro ; ĝi proklamas la ĝeneralajn principojn de scienco, alportas sian kunagadon al ilia leĝarigo kaj stara akceptado ; ĝi kunhelpas, inter la limoj de gia kompetenteco, al la konservado de la paco kaj al la respektado de la intergentaj militaj leĝoj ; ĝi trarigardas la dubojn ekzistantajn ĉe la interpreto kaj apliko de la Juro, kaj unuvorte, kunlaboras per ĉiaj rimedoj al la triunfo de la justecaj kaj homamaj principoj necesaj ĉe la rilataj inter la popoloj. Pro ĉio dirita, la hispana estraro estas en la okazo alpreni la antaŭdisponojn konvenajn, por ke la akcepto respondu al la ĝentilecaj tradicioj de la hispana nacio kaj al la elprovita intereso, kun kiu ĝi kunhelpas al la progreso de la ideoj pri justeco kaj internacia paco.

P. Linares (de I. Cordoba).

### IDEOJ & FAKTOJ

#### La registaraj " Dungejoj " en Britujo

Esploris la problemon de senlaboreco k. t. p., dum 1905-9, komisiono registara kiu venis al konkludo ke la fundamento de la proponatajoj devas esti la " Laborŝanĝejoj ", oficejoj ne nur sub urba gvidado, sed sub administrado de la registaro.

La komisiono ne rekomendas tion kiel solvon de la problemo sed nur diras ke per tio oni ebligos aliajn rimedojn.

La jam fama raporto farita de la malpligranda parto de la komisiono rekomendas ke por tiel organizi la nacian laboran interŝanĝejon ke oni malhelpos aŭ malpligrandigos la senokupacenon, la devo fiksiĝus sur Ministro, responda al la Parlamento, kiu povus esti nomata " Ministro por Laboro ".

La administrejo por laboro devas havi ses aparte organizitajn sekciojn, nome :

Nacia Laborŝanĝejo (dungejo) ; Asekura Sekcio ; Subtena kaj Instruada Sekcio ; Industria regulanta sekcio ; Sekcio por migrado (en- kaj el-) ; Statistika Sekcio.

Plie la raporto rekomendas ke neniu infano malpli ol 15-jara devus esti dungata ; ke neniu pli juna ol 18 laboru pli ol 30 horojn ĉiusemajne, kaj tiaj personoj ĉeestu 30 horojn ĉiusemajne lernejojn subtenotajn de Lokaj Edukadaj Aŭtoritatoj ; ke la horoj de dejorado rilate fervojojn, tramveturilojn kaj omnibusojn, estu, se ne 48 horoj, almenaŭ ne pli ol 60, en kiu ajn semajno, maksimume.

Tiel kaj per aliaj rimedoj oni kredas ke estos efektivigita granda pliigo de la nombro de dungitoj egalanta al granda parto de la nuntempaj nedungatoj aŭ neregule okupataj. Se la registaro iniciatos planon por asekuro, tiam oni povus nepre ricevi la verajn ciferojn rilate senlaborecon ; ĝis nun oni havis nur nekompletajn sciigojn. Tiuj lastaj montras ke la plej granda parto de la senlaboruloj estas junuloj senmetiaj, neniel instruitaj. Tial oni komprenas ke necesaj estas lernejoj k. c., kie oni povas instrui metiojn por kiuj oni bezonos laborantojn. Ekzemple, ĉiujare oni dungas knabojn ĉirkaŭ 14-jarajn por fari servojn en la distribuado de komercajoj k. t. p., kaj ĉiujare kiam tiaj knaboj fariĝas 18-jaraj (senmetiaj) ili pligrandigas la nombron de la senlaboruloj. Tiajn knabojn oni devas instrui por ke ili fariĝu kapablaj gajni vivrimedon per profitdona metio.

Oni celas helpi al " metio- unuiĝoj ", iniciati asekuradon de senlaboraj anoj, malpliigi la troajn horojn de laborado, kaj juste reguligi la laboron de la junularo ; reguligi la dungadon de personoj okupataj pri sezonaj laboroj, kaj ankaŭ oni volas fondi instruejojn kun subtenado por personoj netrovantaj laboron por la dungejoj.

Antaŭ jaroj estis starigitaj de la organizajoj por prizorgi la senlaborulojn interŝanĝejoj por laboro (aŭ dungejoj), sed je la komenco de Februaro en la nuna jaro la interŝanĝejojn prizorgas la *registara administracio de komerco.*

La laboristoj nun multnombre utiligas la oficejojn, kiel montras la jenaj ciferoj :

| | Laboristoj sin registris | Dungantoj notis bezonojn | Dungejoj sukcesis dungigi | Ankoraŭ sur la listo de serĉantoj |
|---|---|---|---|---|
| 1910 Feb. | 216.813 | 21.493 | 12.628 | 112.424 |
| — Mar. | 126.119 | 29.704 | 20.395 | 90.627 |
| — Apr. | 116.523 | 31.711 | 23·358 | 81.523 |
| — Majo. | 100.392 | 30.788 | 24.025 | 75.402 |
| — Jun. | 151.556 | 51.417 | 41.650 | 73.604 |
| — Jul. | 118.588 | 39.746 | 33.813 | 72.670 |
| — Aŭg. | 124.085 | 37.891 | 31.257 | 79.829 |

Oficejoj dum Februaro = 83

— — = [illegible]

La unua cifero 216.813 estas la plej granda pro tio ke per ĝi oni komencis. La ciferoj sekvantaj montras la novajn registriĝojn aŭ reregistriĝojn.

Dungejo, en tiu ĉi artikolo, signifas : Oficialaj Registrejoj, kie sin prezentas por registriĝo, laboristoj de kiu ajn metio, (kun malmultaj esceptoj) serĉantaj laboron, ĉu viroj, virinoj, knaboj aŭ knabinoj. En la sama oficejo la dungantoj sendas sciigojn pri bezonataj homoj, do, la oficejo estas por la *interŝanĝo* ; dungantoj serĉas laboristojn, kaj tiuj lastaj serĉas laboron kiam ili sin trovas senlaboraj aŭ se ili deziras havi novan situation.

Ed. Parker (Huddersfield).

#### La kuracado de Ftizo en Anglujo

Rilate al la kuracado de ftizo la scienco ne estas malpli progresema ol rilate al la traktado de aliaj eble pli trankviligaj kaj agrablaj progresoj nuntempe antaŭ la atento de okcidenta civilizacio. Antaŭ malmulte da jaroj D-ro Koch kaj aliaj eminentaj medicinistoj fervore studadis kun sukceso la kaŭzojn kaj simptomojn de tiu ĉi terura malsano kies ŝajne la blankulo estas preskaŭ sklavo. La viktimo ofte akompanata de daŭrigata mizerego kaj ĝenerala manko estas tro ordinara vidajo por postuli klarigan rimarkon. Kvankam la publiko nekonfide ankoraŭ akceptas la opinion, la profesio certigas nin ke la malsano ne estas hereda, sed akirita, kvankam malpli forte maskite ol la pli virusaj febroj. Infanoj naskitaj de ftizuloj escepte se ili vivadas inter la aero disigita de kraĉo kiu estas grava trajto de tiu ĉi malsano, ne emas pli ol la naskitoj de sanaj gepatroj ekkapti la infekton. Urbmagistratoj elspezis grandegajn sumojn plibonigante la sanitarajn sistemojn, pliperfektigante la liveradon de akvo k. t. p.. Ĉe kelke da malgrandaj vilaĝoj la autoritatuloj pensante pri la kosto, ankoraŭ malsaĝe prokrastas la alvenon de modernaj metodoj — kompreneble mi nun parolas pri Anglujo — oni bedaŭrinde ne povas por tiuj ĉi monere kalkuli la koston de malsano. Mirinde estas do ĉu la malgranda malgrandiĝo de la mortoj kaŭze de tiu ĉi malsano egalmezuras kun la scienca scio pene havigita 400.000 personoj en Anglujo nuntempe kaŭze de diversaj tuberklozaj malsanoj suferadas ; dume 60.000 ĉiujare mortas de ftizo, nombro kiu superas la mortojn kaŭzitajn de ĉiaj infektemaj malsanoj. Miri pro la ŝajne kulpinda inercio de la vice elektitaj registaroj pri tiu ĉi malsano vere estas pardoneble. Ĉiu regiono havas sian hospitalon speciale konstruitan por la kuracado de febroj kaj ĉiu regiona rajtigita kuracisto estas devige sciigata de ĉiuj infektemaj malsanoj, sed ne tiel rilate al la traktado de ftizo ktp. Ĉiu peno estas forlasita al privataj individuoj, sekve la progreso estas nur malrapida.

La Nacia Societo por la malhelpo de ftizo kaj aliaj tuberklozaj malsanoj decidis kiel nunan efektivan rimedon eduki la publikon koncerne la traktado aŭ prefere la malhelpo de ftizo. La societo jam aranĝis kun unu el la plej grandaj afiŝistaj kompanioj glui tra la lando grandegajn afiŝojn. Vagonoj traveturos la vilaĝojn. Parolistoj klarigante per afiŝoj kaj kinemetografaj elmontroj pritraktos la temon, plie folietoj estos multe disdonotaj. Por tiel fari, la societo petas la britan publikon donaci ĉiujare 50.000 Sm. Per unu aŭ alia el tiuj ĉi metodoj estas esperate trafi la lokojn kie eĉ la sunradioj estas rigore forpelataj. Oni kalkulas ke ĉiujare 3.000.000 Sm. en salajroj estas perdataj pro tiu ĉi malsano. Certe estas ke iu ne povas senkortuŝo pensi pri la teruroj de tiu ĉi problemo. Ni esperu ke post kelke da tempo kaj persista peno la malsano tiel same kiel ĥolero estos tute elpelita de tiuj ĉi insuloj. Sciencistoj tiam estos rekuraĝigitaj al plua penado.

I. K. Heseltine (Pontefract)

### La morto de l'absinto en Svisujo

De la 7ª de oktobro la vendado de la absinto estas forigita en tuta Svisujo. Jam de longe, antaŭvidemaj regnanoj, kuracistoj, asocioj klopodis gardi la publikon kontraŭ la danĝeroj de l'absinto, kiam terura krimo kaŭzita de la tiel nomata « verda feino » treege emociis kantonon Vaud kaj la ĉirkaŭajn regionojn. La popolo laŭ la iniciatrajto, proponis la laŭleĝan malpermeson de l'absinto. Post vigla batalado, tiu propono estis akceptita de la popolo en kantono Vaud kaj poste en kantono Ĝenevo, sed en ĉi tiu la leĝo ne estis aplikita kaj oni trinkis absinton... kiel antaŭe.

Sed tiuj kantonaj leĝoj estis nur paŝoj. Efektive, la federala konstitucio ne permesis al ili leĝofari pri fabrikado, importado kaj pogranda vendado de absinto. Popola iniciato, celanta la malpermeson de la fabrikado kiel de la vendado de absinto en tuta Svisujo, estis organizita kaj ricevis 167.814 subskribojn. La Parlemento federala, malgraŭ la malfavora opinio de la federala Konsilantaro (efektiviga aŭtoritato), voĉdonis la leĝon kaj post energia batalado, la 5ªⁿ de julio 1908 la svisa popolo akceptis la leĝon per 241.078 voĉoj kontraŭ 138.669. Aplika leĝo, konforma al la deziroj de la kontraŭ-absintuloj estis farita kaj estos de nun aplikata. La fabrikado, importo, taansporto, vendo de l'absinto aŭ ĉia trinkaĵo, kiu, kia ajn estus la nomo, estus imito de l'absinto, estas malpermesataj. Tiu leĝo atingas ĉiujn kantonoj — escepte Vaud kie ĝi jam ekzistis — sed pli speciale la franclingvajn kantonojn, kie la absintkonsumado estis grava.

N. B.

## AERVETURADO

### La unua svisa aerŝipstacio en Lucerno

Antaŭ nelonge okazis la malfermo de la unua svisa aerŝipstacio. La vetero kiu antaŭe estis ne tre favora, plibeliĝis dum la posttagmezo tiel, ke la unuaj flugoj povis okazis. En saĝa modereco ĝi estis nur mallongaj flugoj super lago kaj urbo. Sole kiam la teĥnika personaro estos akirinta la necesan sperton sur la ventriĉa regiono de l'kvarkanton-lago oni okazigos pli longajn ekskursojn, kiuj laŭ la programo, konsistos en unua vico el ĉirkaŭveturado de « Rigi » kaj « Pilatus ».

Ĉiuj partoprenintoj de la ĝisnunaj flugoj rakontas kun entuziasmo pri la mirindega rigardo super la urbo, la lago kaj la montegaro. La pilotoj de l'aerŝipo komprenas sian laboron bonege kaj veturas tiel celkonscie, ke ankaŭ ĉe la plej timema pasaĝero la komenca sento de necerteco kaj malagrableco des pli rapide malaperas ju pli li raviĝas pri la mirindaĵo troviĝanta je liaj piedoj; facila kaj preskaŭ ne sentebla okazas la supreniro, sen frapo la alteriĝo. La motoro kiu venas el la fabriko Bayard-Clement funkcias laŭdinde kaj la direktiloj obeas al la plej delikata movado.

La aerŝipo nomata « Urbo Lucern » staras en halo aparte por tiu celo konstruita kaj apartenas al la klaso de l' « balonetaerŝipoj ». La formo forte similas al tipo « Bayard-Clement ». La longeco estas 60 m, la plej granda diametro 12,5 m. La balonkorpo tenas 4.500 m-3 de akvoŝtofo, kiun fabrikas apud la balonejo la kompanio de aerveturado mem. La ŝipeto por la pasaĝeroj estas longa 30 m. kaj povas loĝigi 5-6 personojn, tial la aerŝipo, kies servado postulas 4 personojn entreprenas siajn flugojn ĝenerale kun 10 personoj.

La balonhalo havas longecon da 96 m. kaj larĝecon da 46 m., ĝia alteco estas 28 m. Ĝi estas destinata por du aerŝipoj kaj konstruita en maniero permesanta pligrandigon.

De la malfermo pasis kelke da semajnoj dum kiuj fariĝis granda nombro de plej sukcesaj flugoj. Lumu je tiu grava entrepreno, kiu havas pli ol nur sportan signifon, ĉiam bona stelo.

F. Schmutz (Basel)

## Homara Dataro

Oktobro 16. — 1760. Naskiĝo de Saint-Simon.

17. — 1502. Mortas Antono Borbon, Navara reĝo.

1797. Paco kaj interkonsento de Kampoformio inter Napoleono kaj Aŭstrio.

1849. Mortas en Parizo Ĥopin, glora komponisto.

18. — 1748. Dua paco de Aachen, per kiu finiĝis la hereda milito.

19. — 1815. Mortas anatomiisto Mascagni.

20. — 1719. Naskiĝas G. Achewall, elpensinto de la statistiko.

1803. Mortas bergama verkisto Petro Maffei.

1827. Angla admiralo Sir Edward Codrington venkas la turkan ŝiparon ĉe Navarrino.

21. — 1672. Naskiĝas Ludoviko Antono Muratovi, historiisto kaj arĥeologo.

1805. Ŝipara batalo ĉe Trafalgar inter Angloj kaj Francoj.

22. — 1707. Detruo de la hispana ŝiparo en la golfeto el Vigo.

1847. Parizo proklamas la respublikon.

1872. Mortas rusa literaturisto Vladimiro Ivanoviĉ.

23. — 522. Mortas apud Pavio filozofo Boezio.

24. — 1467. Mortas Torricelli elpensinto de la barometro.

25. — 1827. Naskiĝas en Parizo ĥemisto Petro Eŭgenio Marceleno Berthelot.

1854. Batalo de Balaklavo en Krimeo, venkita de la kunligitoj kontraŭ la Rusoj.

26. — 1261. Koradeno lasta reĝo de la Svevoj estas senkapigita en Napolo.

1520. Karlo V hispana reĝo estas kronita romana imperiestro en Aix-la-Chapelle.

27. — 1553. Bruligo de Miĥelo Servet.

1870. Aresto de Marŝalo Bazaine en Metz.

18. — 1495. Naskiĝas en Fireneo poeto Luizo Alamann.

1783. Naskiĝas en Caracas Simon Bolivar liberiginto de Suda Ameriko.

29. — 1783. Mortas enciklopediisto d'Alembert.

30. — 1786. Dekreto kiu ĉesigas la torturon en Toskano.

1823. Mortas Edmundo Cartwright el Marnham kiu elpensis en 1786 sagacan teksmaŝinon kaj en 1790 maŝinon por kombi la lanon.

31. Mortas anatomiisto A. Scarpa.

A. Tellini.

## La Faktoj

19 *Septembro*. Chavez provas transveturi Alpojn per aeroplano, sed la vento lin devigas reveni Brigon.

Rottenmann (Aŭtrio). — Grava fervoja akcidento.

Vieno. — Vilhelmo II vizitas imperiestron Franciskon Jozefon.

21. Folkstone. — Aviadisto Barneth falas el el 300 metroj de alto kaj rompas al si la Kranion.

Kœln. — Oni inaŭguras sur la bordo de la Rejno apud Kœlno, la unuan monumenton al imperiestro Willhelmo II.

23. Romo. — Papo adresas protestleteron al vikaria kardinalo pro la vortoj de urbestro de Romo en la rememoriga soleno pro la datreveno de 20 septembro de 1870

Domodossola. — Chavez transveturas Alpojn per aeroplano, sed alteriĝante en Domodossola rompas al si la krurojn.

Arbois (Francujo). — Mortas la vidvino de Pasteur.

24. Romo. — Inaŭguro de nova teatro « Apollo ».

25. Jesi (Markoj). — Inaŭguro de monumento al muzikisto Johano Baptisto Pergolesi.

Milano. — La Komitato por l'aviado decidas doni la premion da 20.000 S-m. al aviadisto Chavez.

Narni. — Inaŭguro de monumento al Jordano Bruno.

27. Domodossola. — Mortas aviadisto Chavez.

28. Berlino. — Gravaj konfliktoj inter laboristoj kaj policanoj.

29. Romo. — La militista direktebla aerŝipo komencas la vojaĝon de Romo al Venecio.

Torino. — Alveturo de ministro Grafo Aehrenthal por konferenco kun ministro San Giuliano.

Domodossola. — Solena enterigiro de aviadisto Chavez.

1. *Oktobro*. Milano. — Kolizio de la aeroplanoj de la aviadistoj Dickson kaj Thomas, en la aviadejo; la du aviadistoj restas grave vunditaj.

Holanda aviadisto Wynmalen atingas alton da 2.875 metroj.

2. Venecio. — Alveturo de la militista aerŝipo al la aerŝipejo de Campalto.

Milano. — Fermo de la aviada semajno.

A. Tellini.

## Esperantistaj Manifestacioj

### Kunveno de la Svisa Esperanta Societo

La jara kunveno de tiu societo okazis en Aarau la 2-3 Oktobro. Cento da personoj el diversaj urboj ĉeestis. Vespere, okazis propaganda parolado de S-ro Schmid; Sekr. de S. E. S. kaj Distr. Del. de U. E. A., kaj de S-ro Uhlmann, pri Esperanto, sekve de kiu urbanoj sin enskribis por kurso sekvis plenviva balo kaj festo.

La morgaŭan matenon, okazis la kunvenoj de la diversaj komitatatoj, kiujn sekvis granda festeno. Paroladis S-roj de Saussure, Wenger, Hodler, reprezentanto de la komerca societo, k-a. En la oficiala kunveno, poste okazinta, oni interalie reelektis la komitaton (S-ro de Saussure, prezidanto) kaj decidis inviti la Esperantistan kongreson de 1915 en germanlingva urbo (Bern, Zürich aŭ Luzern). Ni aldonu, ke [illegible] pro la trilingveco de Svisujo oni dum ĉiuj kunvenoj parolis ekskluzive en Esperanto.

* * *

### La Sepa Kongreso. Monumento al Esperanto

La sepa Kongreso okazos en Antverpeno de la 20ª ĝis la 27ª de Aŭgusto. La kongreskarto kostas 5. Sm. Oni povas aliĝi tuj de nun (S-ro Van der Biest, sekr.-kasisto, Minderbroedersrui 70, Antwerpen). La Sepo por la Sepa, kun la helpo de la « Anvers-Réclame » jus eldonis belan allogan ilustritan gvidlibron pri la kongresurbo.

Okaze de la Kongreso, la Sepo dezirus starigi en Antverpeno monumenton dediĉatan al Esperanto. Por ebligi la realigon de tiu projekto oni malfermas *monkolekton*. Tial ke la organizantaro volas certiĝi kiel eble plej baldaŭ pri la oferita sumo, oni petas sendi la listojn kaj ricevitajn sumojn unuafoje autaŭ la *1ª de Decembro*, (45 Kleine Beerstr. Antwerpen).

Ni demandas nin sincere, ĉu la tempo jam venis por monumentigi Esperanton. Ni dubas, ke per la ricevotaj monsumoj, oni povos starigi ion vere belan kaj atentindan. Kaj se ne, kial fari ion mezan kaj duban? Antaŭ ol fari monumentojn, estas pli urĝe, ke la Esperantistoj subtenu siajn gazetojn, siajn societojn, siajn aŭtorojn. La marmorigo poste venos (1).

* * *

### 50.000 Ŝm. por la disvastigo de Esperanto!

Tia estas la titolo de artikolo en la lasta Nº de *Germana Esperantisto*. Por antaŭenigi la propagandon de Esperanto en Germanujo, oni starigos kapitalfondaĵon da 50.000 Ŝm.. dividotan el 10.000 partoj da 5 Ŝm. Povas mendi unu aŭ pluraj partojn privatuloj aŭ grupoj. La sumoj promesotaj devos etis pagataj nur kiam la duono da 25.000 Ŝm. estos firme promesita.

Tiu entrepreno estas oficiale organizata de G. E. A.

(1) Ni esperu, ke la simboligo de Esperanto estos pli facila ol tiu de la telegrafio. Por starigi en Berno internacian monumenton al telegrafio (same kiel oni jam starigis al Poŝta Unio) estis malfermita konkurso. Kelkdekoj da diverslandaj konataj skulptistoj partoprenis. La juĝantaro ne trovis ion, kiu meritas ian premion! Oni devos rekomenci. Trarigardante la kolekton de la diversaj ilustritaj poŝtkastoj simboligantaj Esperanton, ni tre timas por nia monumento.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

#### Revizio de la Statuto kaj Fiksado de la Kotizaĵoj.

La voĉdonado pri la Revizio de la Statuto kaj la fiksado de la Kotizaĵoj donis la jenajn rezultatojn (por Eŭropo):

Voĉdoniloj ricevitaj: 62. Voĉoj esprimitaj: 77.

| | Jes | Ne |
|---|---|---|
| Revizio de la Statuto | 75 | 2 |
| Kotizaĵo de la membroj | 67 | 10 |
| Kotizaĵo de la Esperantiaj Entreprenoj | 74 | 3 |
| Kotizaĵo de la Aprobantoj | 75 | 1 |

Konsekvence, la nova Statuto kaj la tabelo de la kotizaĵoj estas *akceptitaj*.

#### Gravaj Avizoj.

∴ Ĉiuj personoj de nun aliĝontaj al U. E. A. estos membroj por la fino de 1910 kaj por 1911, pagante kotizaĵon da 50 Sd.

∴ Ĉiuj Esperantianoj estas petataj de nun repagi sian kotizaĵon al la *Delegito* de sia loko.

∴ Ni rememorigas, ke oni povas de nun fariĝi *dumviva membro*, pagante kotizaĵon da 30 Sm. Tiu kotizaĵo estas pagebla ĉu en unu fojo, ĉu en tri fojoj (1/3 jare). Ni esperas, ke kiel eble plej multaj el niaj [illegible] pagante kiel dumvivaj membroj.

∴ La *Oficiala Jarlibro* aperos nur dum *novembro*. Ni ne plu havas ekzempleron de la antaŭa eldono.

∴ La novaj *propagandaj broŝuroj* (France, Angle, Germane) estas en presado. Ili ankaŭ aperos dum novembro.

∴ La *Kongresa Dokumentaro*, jus aperinta, estas aĉetebla po 50 Sd., afranke. Rekomendata speciale al ĉiuj Del., Subdel., Konsuloj de U. E. A.

∴ La Del. estas petataj tuj sendi la lastajn membrolistojn por 1910, en la okazo se ili ankoraŭ havas.

#### Distriktaj Delegitoj.

Laŭ la decido de la Komitato la jenaj personoj estis elektitaj kiel provizoraj Distriktaj Delegitoj:

*Orienta Anglujo*: P. Blaise, Komitatano, Vicdel. Londono.

*Suda Anglujo*: A.-H. Mare, Del. Portsmouth.

*Norda Anglujo*: Ch. Baxandall, Del. Lancaster.

*Sud-Okcidenta Germanujo*: H. Pfaff, Del. Worms.

*Bavarujo*: F. Fleck, Esp.-Of. München.

*Aŭstrio*: J. Glück, Wien.

*Galicio*: S. Budnicki, Del. Krakov.

*Adriatiko*: V. Pohusta, Del. Trieste.

*Centra Francujo*: A. Autin, Del. Le Mans.

*Burgonjo*: Th. Rousseau, Komitatano, Del. Dijon.

*Parizo*: G. Chavet, Esp.-Of. Parizo.

*Suda Francujo*: A. Carles, Komitatano, Del. Béziers.

*Sud-Orienta Francujo*: E. Gabert, Del. Saint-Etienne.

*Sud-Okcidenta Francujo*: Ch. Brunet, Del. Bordeaux.

*Nord-Okcidenta Italujo*: D-ro A. Stromboli, Del. Genova.

*Centra Hispanujo*: A. Lozano, Del. Madrid.

*Suda Hispanujo*: P. Linares, Del Cordoba.

*Portugalujo*: B. Martin d'Almeida, Del. Lisboa.

*Belgujo*: F. Mathieux, Del. Bruxelles.

*Rumanujo*: N. Emanoil, Del. Bukarest.

*Bulgarujo*: G. Atanasov, Del. Sofia.

Mankas ankoraŭ kelkaj distriktoj, kiuj baldaŭ havos sian Distr. Del.

#### Citoj.

Konforme al § 19 de la Statuto, la jenaj Del. estas citataj pro nerespondo al du sinsekvaj avertiloj pro nepago de sia debito ĉe la centra kaso de U. E. A.:

39. S-ro L. V. Abbot, 2ª *cito*, Del. en Tabor. — 40. S-ro J. Barclay de Toly, Del. en Winnitza. — 41. S-ro S. Baudin-Aguero, Del. en La Guardia. — 44. S-ro Cikhart, Del. en Tabor. — 46. S-ro Duckers, Del. en Carlisle. — 47. S-ro Duguid, Del. en Aberdeen. — 49. S-ro Fahrni-Diebold, Del. en Zofingen. — 50 S-ro J. Dominguo Fernandez, Del. en Chiclana. — 51. S-ro O. Fillstrom, Del. en Carlshamm. — 52 S-ro Gaillot, S.-Del. en Saint-Maur-les-Fossés. — 53. S-ro F. Garcia y Ruiz, Del. en Medina del Campo. — 54. S-ro F. Geisselreiter, Del. en Lomnice-sur-Popelka. — 55. S-ro P. Gerlings, Del. en Almelo. — 56. S-ro Gimeno, Del. en Alcaniz. — 57. S-ro Gonzalez-Rivero, Del. en Teneriffe. — 60. S-ro L. Adam, Del. en Verdun. — 61. F-ino A. Andernach, Del. en Soest. — 62. S-ro J. de Baedemaker, Del. en Saint-Mariaburg. — 63. S-ro Albert Barthel, Del. en Kopitz a/Elbe. — 64. S-ro F.-A. Bernof, Del. en Rostok. — 65. S-ro Jozefo Biro, Del. en Dès. — 67. S-ro Emilio Bourrin, Del. en Pornic. — 69. S-ro R. Braun, Del. en Kristiansand. — 70. S-ro Antonio Briceno. Del. en Caracas. — 71. S-ro M. Budjevac, Del. en Belgrad. — 72. S-ro Laurent Cauvet, Del. en Aix-en-Provence. — 73. S-ro W. Clay, Del. en Stebden Bridge.

#### Novaj Delegitoj.

Ĝis la 10 Oktobro estis elektitaj Del. en la jenaj lokoj:

*Bayreuth* (Germanuj-Bavarujo). — S-ro D-ro Albert Kurz, von der Tannstr, 4.

*Bienne* (Svisujo). — S-ro Frederik Beck, hôtel Croix-Bleue.

*Blaricum* (Nederlando). — S-ino Maria Berwey v. Rees, « Amikejo ».

*Caibarien* (Cuba, Ameriko). — S-ro Yoaguin M. de Villa, Apartado, 91.

*Capodistria* (Aŭstrio, Adriatiko). — S-ro Armando Camuffo, Subdelegito.

*Charleroi* (Belgujo). — S-ro Lambert Delvaux, 23, boulevard Joseph-II.

*Delitzsch* (Germanujo, Saksujo). — S-ro H. Schmiedberg, instruisto.

*Erlangen* (Bavarujo). — S-ro Karl Loy.

*Epesham* (Anglujo, Doventry). — S-ro A.-H. Lees, 24, Elin Road.

*Fusan* (Azio, Koreo). — S-ro Masaru Oba, oficisto, cluston House.

*Hennebont* (Francujo, Morbihan). — S-ro Jose Mariette, kalkulisto.

*Kairo* (Egipto). — S-ro D-ro Henriko Ŝipek, Hôtel Continental.

*Karaĉov* (Rusujo, Orel). — S-ro V. Bielski.

*Kassa* (Hungarujo). — S-ro Stefan Schulz, Fœn 64.

*La Grande* (Usono, Oregon). — A. Milton, Stoddard.

*Lund* (Svedujo). — S-ro Kurt Backman, Bytaregatan, 22.

*Menton* (Francujo, Alpes-Maritimes). — S-ro D-ro Siems.

*Meursault* (Francujo, Côte-d'Or). — S-ro A. Cordier, kalkulisto. — Vicdel.: S-ro D-ro Charles.

*Montereau* (Francujo, Seine-et-Marne). S-ro G. Simon, 28, rue des Chapelliers.

*Montreux* (Svisujo). — S-ro Reginald Hawkins, Marlburia.

*Pasadena* (Usono, Kalifornio). — J.-A. Mac Kinon, 850, N. El Molino Avenue.

*Périgueux* (Francujo, Haute-Vienne). — S-ro André Jubert, 34, cours Fénelon.

*Port-Louis* (Afriko, Maŭritius). — A.-P. Lebrasse, c/o Abbé Déroulède kaj Perimbé St.

*Rakavnick* (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro Hinek Ĉerny, staveb. asistent.

*Rattrick* (Svedujo). — S-ro E. Ekenberg, Staciestro, Subdelegito.

*Stevenisse* (Nederlando). — S-ro C. Chr. Droogendijk.

*Sydney* (Aŭstralio). — S-ro Beattie, c/o Messrs Burrovghs Wellcome and Company, Subdel. — S-ro Œilliam Failess, c/o Y. m. c. o. Subdel. — F-ino M.-E. Andrew, Manley, Subdel.

*Thorn* (Germanujo). — S-ro Robert Gaŭtzmacher, Culmerstr. 20.

#### ŜANĜOJ.

*Amsterdam*. — La adreso de la Vicdel. estas nun: S-ro W.-F.-A. Mudde, 2e Bloemdwarstraat, 9. — *Bilbao*. — La Del. estas nun S-ro Ricardo Saŭren, Heros 6-4º-d.

*Brisbano* (Aŭstralio). — La Del. estas nun S-ro P. Proctor, Esp. consulate, 831 Queen St.

*Bombay* (Indujo). — La adreso de la Del. estas nun S.-R. Karnick, Church Gate Patel Str., Cowasji. — *Borgà* (Finlando). La Del. estas nun S-ro August Soldan, Froesigardsbacken. — *Burnley* (Anglujo, Lancashire). — La Del. estas nun G. G. Woods, 148, Briercliffe Road.

*Evreux* (Normandio). — La Del. estas nun S-ro Hamel, 23, rue de Pannette. — *Ilfeld i/H.* (Germanujo, Harz). — La Del. estas nun S-ro Hans von Pelser-Berensberg. — *Laval* (Francujo, Mayenne). La Vicdel. estas nun S-ro Georges Lelegretain, rue Joinville. — *Liège* (Belgujo). La Del. estas nun S-ro S. Vatriquant, 10, rue Schmerling. — *Luhaĉovice* (Aŭstrio, Moravio). La Vicdel. nun estas S-ro Cyril Holuby, banlokestro. — *Mainla* (Filipinaj Insuloj). La adreso de la Vicdel. estas S-ro W.-H. Case, Box, 326. — *Paisley* (Skotlando). La Del. estas nun S-ro David Semple, 92, Causeyside Street. — *Paris*. La Vicdel. S-ro Marcel Génermont, loĝas nun, 55, rue des Saint-Pères. — *Perth* (Skotlando). La Del. estas nun S-ro Arthur Ferguson, Lebanon Villa, Dunkeld Road. — *Plock* (Polujo). La Del. estas nun S-ro Elianowski, str. Franciskanska 27. — *Porto* (Portugalujo). La Del. estas nun S-ro Joacquim Moreira da Silva, rua da Triumphe, 222. — *Santa-Clara* (Ameriko, Kubo). La Vicdel. nun estas S-ro J. Pedro Dominguez, Apartado 87. — *Wimbledon* (Anglujo). La Del. S-ro W. Hide, loĝas nun, 2, Birkbeck Road.



**Ĉiam memoru ke, kiam vi petas servon de Delegito de U. E. A. vi devas skribi sur internacia respond-poŝtkarto aŭ sendi markon aŭ kuponon por la respondo.**

FELIETONO DE « ESPERANTO »

1

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

### Unua Libro

La 4-an de majo.

Kiel mi estas ĝoja, ke mi forestas! Plej kara amiko, kio estas la koro de la homo! Forlasi vin, kiun mi amas tiel multe, de kiu mi estis neforigebla, kaj esti ĝoja! Mi scias, ke vi pardonas min. Ĉu miaj aliaj rilatoj ne estis destinitaj de la sorto, por timigi koron kiel mian? Malfeliĉa Leonoro! Kaj tamen mi estis senkulpa! Ĉu estis mia kulpo, ke la pikantaj ĉarmoj de ŝia fratino donis al mi agrablan amuzon, ke naskiĝis pasio en la malfeliĉa koro? Kaj tamen — ĉu mi estas tute senkulpa? — Ĉu mi ne nutris ŝian sentadon? Ĉu mi mem ne amuziĝis pri la tute veraj esprimoj de la naturo, kiuj tiel ofte igis nin ridantaj, kvankam ili neniel estis ridindaj? Ĉu mi ne? — Ho kio estas la homo, ke li povas plendi pri si? — Mi volas, kara amiko, mi promesas ĝin al vi, mi volas pliboniĝi, ne volas plu ripeti la malmultan malbonaĵon, kiun la sorto prezentas al ni, kiel mi ĉiam faris; mi volas ĝui la nunon kaj la estinto estu estinta por mi. Certe, vi estas prava, karulo, ke estus malpli multaj doloroj inter la homaro, se oni — Dio scias, kial ĝi estas farita tia — ne okupus sin per tiom da imagemeco por revoki la memoron pri la pasinta malbeno, anstataŭ ol toleri indiferentan nunon.

Bonvolu diri al mia patrino, ke mi zorgos bonege pri ŝia afero kaj informos ŝin kiel eble plej baldaŭ. Mi parolis kun mia onklino kaj tute ne trovis la malbonan virinon, kia oni rigardas ŝin ĉe ni. Ŝi estas vigla, malkvieta virino kun bonega koro. Mi klarigis al ŝi la plendojn de mia patrino pri la retenata heredaĵo; ŝi diris al mi siajn kaŭzojn, motivojn kaj kondiĉojn je kiuj ŝi inkliniĝus redoni ĉion kaj eĉ pli multe ol ni postulas — mallonge, nun mi ne volas skribi pri tio-ĉi; diru al mia patrino, ke ĉio estos bona. Kaj mi, karulo, denove trovis en tiu-ĉi malgranda afero, ke malkomprenoj kaj senzorgeco kaŭzas en la mondo eble pli multe da eraroj ol ruzo kaj malico. Almenaŭ la du lastaj certe estas pli maloftaj.

Cetere mi fartas tre bone tie-ĉi. La soleco estas por mia koro bonega balzamo en tiu-ĉi paradiza regiono, kaj tiu-ĉi sezono de la juneco varmigas ofte mian tremantan koron. Ĉiu arbo, ĉiu plektobarilo estas bukedo de floroj, kaj oni dezirus fariĝi majskarabo por flugi en tiu-ĉi maro de bonodoraj kaj por trovi en ĝi ĉiun nutraĵon.

La urbo mem estas malagrabla, sed ĉirkaŭe nenomebla beleco de la naturo. Ĉi tio inspiris la mortintan grafon de M..., planti ĝardenon sur unu el la montetoj, kiuj renkontas unu la alian kun bèlega diverseco kaj formas ĉarmajn valojn. La ĝardeno estas simpla; enirante oni jam sentas, ke ne scienca ĝardenisto desegnis la planon, sed sentoplena koro, kiu volis tie ĉi ĝui sin mem. Jam multajn larmojn mi verŝis al la mortinto en la ruina dometo, kiu estis lia fervora restejo kaj ankaŭ mia. Baldaŭ mi estos sinjoro de la ĝardeno; la ĝardenisto favoras min, jam de la malmultaj tagoj, kaj li ne pentos pro tio.

La 10-an de majo.

Mirinda sereneco kaptis mian tutan animon, same la dolĉan printempan matenon, kiun mi ĝuas tutkore. Mi estas sola kaj ĝojas pri la vivo en tiu-ĉi regiono, kiu estas kreita por tiaj animoj, kia la mia. Mi estas tiel feliĉa, tiel plene entrempita en la senton de trankvila vivo, ke mia arto suferas pro tio. Nun mi ne povus desegni, eĉ unu streketon, kaj neniam mi estis pli granda pentristo ol en tiu-ĉi momento. Kiam la kara valo vaporas ĉirkaŭ mi, kaj la alta suno kuŝas ĉe la supraĵo de la nepenetrebla mallumo de mia arbaro, kaj nur kelkaj radioj trairas en la internan sanktejon, kiam mi kuŝas en la alta herbo apud la falanta rivereto, kaj pli proksime de la tero mi admiras milon da diversaj herbetoj; kiam mi sentas pli proksima ĉe mia koro la svarmadon de malgranda mondo inter la trunketoj, la neesploreblan multon da vermetoj kaj insektoj, kaj sentas la proksimecon de l'Ĉionpovulo, kiu nin kreis laŭ sia bildo, la spiradon de l'ĉion amanta Dio, kiu konservas nin kaj naĝigas en eterna ĝuego — mia amiko, — kiam poste krepuskas ĉirkaŭ miaj okuloj, kaj la mondo ĉirkaŭ mi kaj la ĉielo tuta ripozas en mia animo kiel la bildo de amatino, tiam mi sopiras kaj pensas: ho, vi povu esprimi, vi povu inspiri al la papero, kio tiel plene, tiel varme vivas en vi, por ke ĝi fariĝu la spegulo de via animo, kiel viva animo estas la spegulo de l'senfina Dio! — Kara amiko! — Sed mi pereas pro tio, mi sufokiĝas per la belegaj vizioj.

La 12-an de majo.

Mi ne scias, ĉu trompantaj fantomoj ĉirkaŭvagas en tiu-ĉi regiono aŭ ĉu la malfeliĉa ĉiela fantazio sidas en mia koro, kiu ĉion ĉirkaŭ mi faras tiel paradiza. Jen antaŭ la vilaĝeto estas puto, kie mirinde mi reteniĝas kiel Meluzino kun ŝiaj fratinoj. — Mi malsupreniras malgrandan monteton kaj troviĝas antaŭ arkaĵo, kie dudek ŝtupojn profunde la plej klara akvo ŝpruĉas el marmora ŝtonego. La mureto, kiu supre enkadrigas ĝin, la altaj arboj, kiuj ronde kovras la lokon, la malvarmeto de la loko; ĉio havas ion allogantan, ion terurigantan. Pasas neniu tago, ke mi ne sidas horon tie. Venas la knabinoj el la urbo kaj ĉerpas akvon, la plej simpla afero kaj la plej necesa, kiun iam faris eĉ reĝidinoj. Kiam mi sidas tie, la patriarĥa ideo vivas viglege ĉirkaŭ mi, kiel ili ĉiuj, la prapatroj faras konatecon kaj svatas sin, kaj tiel ĉirkaŭ la putoj kaj fontoj flugas bonfaremaj fantomoj. Ho, kiu neniam refreŝiĝis apud la malvarmeta puto post malfacila migrado somertaga, tion ne povas kunsenti.

La 13-an de majo.

Vi demandas, ĉu vi devas sendi miajn librojn? — Karulo, mi petas vin, je Dio, lasu ilin for de mi! Mi ne volas plu gviĝiĝi, vigliĝi, ekscitiĝi, tiu ĉi koro ja sufiĉe bruas el si mem; mi bezonas dormigan kanton kaj trovas ĝin riĉege en mia Homero. Kiel ofte mi lulas mian ribelan sangon en trankvilecon, ĉar tiel malsama, tiel viglega vi vidis nenion kiel tiu ĉi koro. Karulo, ĉu mi bezonas diri tion al vi, kiu tiel ofte ĉagreniĝis, vidante min iri de ĉagreno al diboĉo kaj de dolĉa melankolio al pereiga pasio. Ankaŭ mi traktas mian koreton kiel malsanan infanon; ĉiu deziro estas permesata al ĝi. Diru tion al neniu; estas homoj, kiuj kolerus al mi.

La 15-an de majo.

La malaltaj personoj de la vilaĝo jam konas kaj amas min, precipe la infanoj. Unu malĝojigan observon mi faris. Kiam komence mi aliris ilin, afable demandante pri ĉi tio kaj tio, kelkaj kredis, ke mi volus moki ilin kaj respondis eĉ malĝentile. Pri tio mi ne ĉagreniĝis, mi nur sentas, kion mi jam ofte rimarkis: homoj de iom da rango ĉiam detenos sin en malvarma malproksimeco de la popolaĉo, kvazaŭ ili kredus perdi ion per alproksimiĝo; kaj plue ekzistas fugantoj kaj malnoblaj ŝerculoj, kiuj ŝajnas kliniĝi, por montri des pli multe sian arogantecon al la malfeliĉa popolo.

Mi bone scias, ke mi ne estas samranga, nek povas esti; sed mi opinias, ke tiu, kiu sentas la bezonon forteniĝi de tiel dirita popolaĉo, por gardi la respekton, estas tiel mallaŭdinda kiel malbravulo, kiu sin kaŝas de la malamiko, tial ke li timas venkiĝi.

Antaŭ nelonge, venonte al la puto, mi renkontis junan servistinon, kiu estis metinta sian kruĉon sur la plej malsupran ŝtupon kaj ĉirkaŭrigardis, ĉu kamaradino venos por helpi. Mi iris malsupren kaj rigardis ŝin. « Ĉu mi povas helpi vin, fraŭlino? » mi demandis; ŝi ruĝiĝis. « Ho ne, sinjoro », ŝi diris — « sen cirkonstancoj ». Ŝi surmetis la portkusenon kaj mi helpis. Dankante ŝi supreniris.

La 17-an de majo.

Mi koniĝis kun multaj, kunulon mi ne ankoraŭ trovis. Mi ne scias, kian altirindon mi havas por la homoj; tre multaj volonte vidas kaj akompanas min, kaj ĉiam mi ĉagreniĝas, vidante, ke nia komuna vojo estas mallonga. Se vi demandas, kiaj estas la ĉi tieaj homoj, mi diros; kiaj ĉie! Estas unuforma aĵo, la homaro. Plej multaj tralaboras la plej grandan parton de la vivtempo, la iometo da tempo, kiu restas, ilin maltrankviligas tiamaniere, ke ili serĉas ĉiujn rimedojn por forigi ĝin. Ho homa destino!

Tamen bonega gento de popolo. Kiam mi forgesas min kelkafoje, ĝuas kun ili ĝojojn, kiuj ankoraŭ estas permesitaj al la homoj, ŝerci gaje ĉe okupita tablo, fari ĝustatempe promenadon, dancon, ktp., tio faras al mi tute bonan efikon, nur mi ne devas rememori, ke multaj aliaj fortoj sidas en mi, kiuj ĉiuj putras neuzitaj, kaj kiujn mi devas zorgeme kaŝi. Ho ve, tio tre genas la koron — kaj tamen, esti malkomprenata estas la sorto de mi.

Domaĝe, ke la amikino de mia junaĝo estas for, ve ke mi konis ŝin iam. — Mi dirus, ke vi estas malsaĝulo, ke vi serĉas, kio ne estas trovebla tie-ĉi. Sed mi trovis ŝin, mi sentis la grandan animon, je kies ĉeesto mi ŝajnis pli ol mi estis, tial ke mi estis ĉio, kio mi povis esti. Bona Dio, ĉu iu forto de mia animo restis neuzita? Ĉu mi ne povis montri al ŝi la tutan mirindan senton, per kiu mia animo ĉirkaŭprenas la naturon? Ĉu niaj interrilatoj ne estis eterna mikso de la plej delikata sentado, de la plej akra spirito, kies nuancoj ĝis la malĝentileco, ĉiuj estis signitaj per la stampo de la genio? Kaj nun? — Ke, ŝiaj jaroj, kiujn ŝi havis anticipe, kondukis ŝin pli frue al la tombo ol min. Neniam mi forgesos ŝin, neniam ŝian firman mentalon kaj ŝian diinan suferadon.

Antaŭ malmultaj tagoj mi renkontis junan V..., vereman knabon kun feliĉega fizionomio. Jus veninte de l'akademio, li ne juĝas sin saĝa, sed tamen li kredas, ke li scias pli multe ol aliaj. Ankaŭ li estis laborema, kiel mi rimarkas ĉe ĉiuspeca afero; mallonge li posedas belajn konojn. Aŭdinte, ke mi desegnas ofte kaj scias la grekan lingvon (du meteoroj tie ĉi) li turnis sin al mi kaj montris multan scion de *Batteur* ĝis *Wood*, de *Piles* ĝis *Winkelmann*, kaj certigis min, ke li tralegis tute la teorion de *Sulzer* kaj posedas manuskripton de *Heyne* pri la studado de l'antikvo.

Plue mi koniĝis kun tre honesta viro, la princa prefekto, homo verema kaj fidela. Estas dirate, ke estas ĝojo por l'animo, vidi lin inter liaj infanoj — li havas naŭ; — precipe oni tre admiras lian plej maljunan filinon. Li invitis min kaj mi intencas viziti lin dum la plej proksimaj tagoj. Li loĝas en princa ĉasbieno unu horon kaj duono de tie-ĉi, kien transloĝiĝi al li estis permesata post la morto de sia edzino, ĉar la restado en la urbo kaj en la prefektejo tro doloris lin.

Krome kuris sur mian vojon kelkaj karikaturaj originaloj, al kiuj ĉio estas netolerebla, plej malagrablaj iliaj amikecaj certigoj.

Fartu bone! La letero plaĉos al vi, ĝi estas tute historia.

*(Daŭrigota.)*

# STATISTIKAJ NOTOJ

### La nombro de niaj Delegitoj

Jen estas, je la 1-a de Oktobro, la nombro de la Delegitoj, grupigataj laŭ la landoj :

| | Lokoj | | Lokoj |
|---|---|---|---|
| Francujo, | 163 | | 826 |
| Germanujo, | 111 | Indujo, | 6 |
| Aŭstrio-Hungarujo, | 88 | Alĝerio, | 5 |
| Granda Britujo, | 78 | Kanado, | 5 |
| Rusujo (kun Siberio), | 71 | Danujo, | 4 |
| Hispanujo, | 63 | Rumanujo, | 4 |
| Usono, | 52 | Meksikujo, | 3 |
| Svisujo | 31 | Serbujo, | 2 |
| Belgujo, | 26 | Kolombio, | 2 |
| Italujo, | 23 | Japanujo, | 2 |
| Aŭstralio, | 21 | Egipto, | 2 |
| Svedujo, | 19 | Montenegro, | 1 |
| Nederlando, | 16 | Argentino, | 1 |
| Bulgarujo, | 13 | Urugvajo, | 1 |
| Brazilujo, | 9 | Venezuelo, | 1 |
| Antilioj, | 9 | Tonkino, | 1 |
| Turkujo, | 7 | Filipinoj, | 1 |
| Finlando, | 7 | Insulindo, | 1 |
| Portugalujo, | 7 | Mandĵurio, | 1 |
| Norvegujo, | 6 | Sud-Afriko, | 1 |
| Grekujo, | 6 | Madagaskaro, | 1 |
| | 826 | Sumo, | 871 |

# Esperantiaj Informoj

**Aarau** (Svis.). — Post la jara kunveno de la Svisa Esp. Societo, okazis neoficiciala kunveno de la Svisaj Esp.-ianoj ; ĉeestis 70 personoj. S-ro Hodler, vicprez. U. E. A., raportis pri la lastaj ŝanĝoj en la Statuto kaj pri la neceseco de Svisa Esp.-ia agado. Parolis ankaŭ S-roj Schmid, Dist. Del., kaj Jost. Proksima kunveno okazos en printempo.

**Alcoy** (Hispan.). — Nia tiea Del., S-ro Talens, faris diversajn paroladojn pri Esp. kaj U. E. A., sekve de kiuj malfermiĝis kurso kun 65 lernantoj.

**Bournemouth** (Brit.). — [illegible] « Bournemouther Tagblatt » represis la dankon de S-ro Souchay, el Parizo, al la Del., lin helpintaj dum vojaĝo. Bona ekzemplo. Ni plezure konstatos, ke la artikoloj pri la internacilingva problemo iom post iom cedas lokon al faktaj artikoloj.

**Davos** (Svis.). — Bona artikolo pri U. E. A. en « Il Grischun », ĵurnalo en romanĉa lingvo.

**Haarlem** (Nederlando). — Nia Del. tradukis kaj enmetigis en la urban ĵurnalon nian artikolon pri Aviado kaj Esperantismo. Imitinda.

**Magdeburg** (Centra German). — En *Germana Esp.-Gazeto* aperis bonega raporto de F-ino Küster pri la servoj de U. E. A. dum ŝia vojaĝo tra Francujo kaj Belgujo.

**Melbourne** (Aŭstralio). — Jam aperis kelkfoje artikoloj pri U. E. A. en la ĵurnalo *Herald*.

**Péruwelz** (Belgujo). — Pasintan monaton okazis tie la Internacia konkurso de motora kulturo. Ĝi estis interesega. Falĉiloj, plugiloj, rikoltiloj, falĉilboatoj, aŭtomobiloj funkciadis. La Estraro de Alĝerio estis sendinta oficialajn vizitantojn. Germanaj kaj francaj firmoj estis reprezentataj.

En la fako por la firmo Aldebert-Colmadin oni povis vidi sur la tegmento de la ekspozicia oficejo de tiu firmo, du grandajn esperantajn flagojn. Oni legis sur la pordo « Oni parolas en Esperanto ». Kiel prospektoj tiu firmo disdonis ne nur katalogojn sed ankaŭ malgrandajn esperantajn paperflagojn.

**Toulon** (Suda Franc.). — La *Vie Sportive* tute represis la gravan raporton pri U. E. A. faritan de S-ro Hodler ĉe la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj en Bruselo.

**Trieste** (Adriatiko). — Sub la aŭspicioj de la Rondo Esp., S-ro D-ro Ghez faris antaŭ multenombra aŭditorio sukcesan paroladon pri Esperanto kaj U. E. A. Sekvis du kursoj, ĉe kiuj partoprenas 180 lernantoj.

*(Komunikita).*

# Esperantia Karavano tra Danujo

**Esperantia Karavano tra Danujo**

Nia angla kunlaboranto Edward Parker, organizis karavaneton por viziti kelkajn danajn urbojn antaŭ ol ĉeesti la kongreseton en Kopenhago 28-8-1910. Post bona vojaĝo el Hull ĝis Kopenhago la karavananoj surŝipiĝis por iri al Aarhus. Sur la kajo tie renkontis ilin S-ro Heilbro kiu, kune kun alia samideano, promenigis ilin dum ses horoj tra la urbo kaj arbareto. Je la tagmezo la karavano iris al Vejle, kie renkontis ilin ĉe la stacidomo S-ro Packness kaj tuta aro de gesamideanoj. Manĝinte ĉe la fama "Grand Hotel" la angloj kune kun la tiea grupanaro veturis tra la bela valo Grejsdalen, kaj en la vespero gastis la anglojn F-ino Schleisner. La morgaŭon, oni faris ekskurson ĝis Munkebje post kiu la angloj adiaŭis la Vejle samideanojn kaj daŭrigis ĝis Odense. Tie, areto da samideanoj venis saluti la anglojn ĉe la stacidomo kaj ilin kondukis ĝis la hotelo. Dum la vespero la grupanoj kun la vizitantoj esploris la preĝejojn, la domon de Andersen kaj aliajn interesajn konstruaĵojn kaj lokojn. Post laciga promenado la angloj ĝojis trovi iom da ripozo kaj refreŝigo ĉe S-ino Knudsen. Tiel pasiginte bonegan tempon inter la Odensaj samideanoj la vizitantoj iris al Kopenhago por renkonti la ceterajn anglojn antaŭ ol partopreni en la kongreseto.

# ESPERANTIA VIVO

**Naskiĝoj**. — S-ro Esperanto-Josefo Garcia Martinez, filo de nia fervora Del. en Cartagena.

**Mortoj**. — Fino Concepcion Marivela, fervora Esp.-ianino en Cordoba. — Sro. Sava Savov, sekr-kasisto, de grupo Sukceso, Del. de U.E.A.

**Libertempaj vojaĝoj**. — Sro. Nix, Del. en Eastbourne, libertempis en Paris kaj Rouen. — S-ro Wojciechovski veturas tra Germanujo. uzante la servojn de U. E. A. — S-ro Richardson, Vicdel. en Bruselo, libertempis en Morges. — S-ro Privat estas en Norwich ĝis novembro. — S-ro Prof. Holman, Del. en Brno, dankas Srojn Andonoviĉ, Smiljaniĉ, Krajĉiĉ, f-no Djuriceva kaj aliajn Esp. de Belgrado, S-ron Stokiĉ, de Niĉe, Georgiev, de Sofio, D-ron Stamatiades, Del, Samos, Fokos kaj aliajn de Vathy, S-rojn Douzinas, Del. Ateno, kaj Bünemann, Del. Patras, pro la afableco, kun kiu ili akceptis ekskurson de bohema Komerca Akademio de Brno dum ŝia vojaĝo.

**Edziĝoj**. — S-ro Taravan el Parizo, kun F-ino Pelissard, esperantianino el Grenoble.

### Eĥoj de la Sesa

# La Kunvenoj de U. E. A.

Ni ĉi-sube donos kelkajn informojn pri la sukcesaj kunvenoj de l'U. E. A. okazintaj dum la Sesa en Washington.

**1a Kunveno**

La kunsido estas malfermita je la 10a matene, 18, Aŭg. en la Salonego de la Hotelo Arlington, sub la Prezido de *Pastro Paul, F. Hoffman* (Dal. Baltimore).

S-ror *W. Mann* (London) estas elektita kiel Sekretario.

S-ro *Schubert* (Del. Washington) legas leteron, kiun li ricevis de S-ro *H. Hodler*, Vic-Prezidanto de U. E. A. en la nomo de la komitato, Li varme salutas la kunvenon en la nomo de la komitato. Li montras kial, pro tio ke nur malmultaj Esperantianoj havis la eblon veturi Washington, la komitato devis aranĝi propran kongreson en Eŭropo, sed por ke la Asocianoj veturantaj al Washington povu ankaŭ esprimi sian opinion pri la Esperantiaj aferoj, oni ankaŭ antaŭvidis kelkajn tute egalrajtajn kunvenojn en Ameriko. La letero konstatas, ke ĝis nun U. E. A. ne sufiĉe disvastiĝis en Norda-Ameriko pro ne plena kono pri la celado de la Asocio kaj movado direktata ĝis nun ekskluzive al la propagando de la lingvo. Plej utila por la estonteco de U. E. A. estas la fondo de filia Oficejo en Nord-Ameriko. S-ro Hodler finas esperante, ke tiuj kunvenoj helpos al fruktodona interŝanĝo de ideoj pri U. E. A. kaj estos la komenco de prospereco kaj vivopleneco de U. E. A. en Nord-Ameriko.

Pastro Hoffman proponas dankojn al S-ro Hodler pro lia saluto kaj atentigas pri la graveco de lia letero. Tiu ĉi kunveno estas la unua de la membroj de l'U. E. A. en Ameriko kaj ili devas profiti ĝin por interkonsenti pri sia estonta propagando. Li aldonas, ke oni devas klopodi por ke en ĉiu urbo iom grava estu Delegito de la Asocio kaj labori senlace por la sukceso de nia entrepreno en ĉiuj rondoj.

Li transdonos la parolon al S-ro *Schubert*, por ke li legu la Raporton de la Administra fako de U. E. A.

S-ro *G. Warnier* (Del. Paris) petas la parolon. Li rimarkigas, ke tiu unua kunveno estas ĝenerala kaj publika. Almenaŭ la duono de la ĉeestantoj — t. e. 150 personoj el 300 — ne estas ankoraŭ membroj de U. E. A. kaj li opinias, ke estus pli bone se oni donus al ili kelkajn klarigojn pri la celo, kresko kaj agado de nia Asocio. La raportojn oni povos legi dum la dua kunsido.

Kolonelo *Pollen* (London) subtenas tiun proponon, kiu estas unuanima akceptita.

Pastro *Hoffman* transdonas la parolon al S-ro G. Warnier, kiu montras la praktikan utilecon de U. E. A., ĝian altan signifon por la plibonigo de la rilatoj ĉiuspecaj inter la homoj, ĝian mirindan sukceson kaj finas petante ĉiujn ĉeestantojn, kiuj jam ne aliĝis al U. E. A. sin turni al S-ro Schubert post la fino de la kunsido, por enskribiĝi en nia potenca Asocio.

S-ro *Schubert* informas la Delegitojn, ke li havas je ilia dispono presitajn raportojn kaj dezirespremojn, kiujn oni diskutos en la dua Kunsido.

S-ro *Hoffman* transdonas la parolon al S-ro Hodges, konata ĵurnalisto el Philadelphie, kiu sprite rakontas, angle, kiel li konvinkiĝis, ke Esperanto estas la ideala lingvo por internaciaj rilatoj (S-ro Hodges poste verkis bonegan artikolon en la "North American", grava gazeto de Philadelphie).

S-ro *W. Mann* tradukas lian parolon, kiu estas varme aplaŭdata.

Kolonelo Pollen dankas S-ron H. Hodler kaj la direktantojn de U. E. A. pri la granda kaj fruktodona laboro de ili farita.

La kunveno estas fermita je la 12a, post kelkaj vortoj de D-ro L. L. *Zamenhof*, Honora Prezidanto de la Asocio, kiu salutas la ĉeestantajn Esperantianojn kiel "kamarado" en U. E. A.

**Dua Kunsido**

La kunsido estas malfermita je la 11a matene, 19a Aŭg. en la Salonego de la Hotela Arlington, sub la Prezido de Pastro *Paul F. Hoffman* (Del. Baltimore).

S-ro *G. Warnier* (Del. Paris) anstataŭas S-ron W. Mann (London) kiel Sekretarion kaj legas la protokolon pri la antaŭa kunsido. Tiu protokolo estas unuanime akceptita.

S-ro *G. Warnier* informas la ĉeestantojn ke, pro manko de tempo li donos nur resumon de la raportoj kiujn la kongreso de U. E. A. devas ekzameni kaj legos " in extenso " nur la dezirespremojn.

La dezirespremoj pri Raportoj 1, 2, 3 estas unuanime akceptitaj.

Pri la Raporto 4, S-ro G. Warnier diras ke, laŭ lia opinio, oni ne povas eksigi Delegiton, kiu ne varbis dudek membrojn, ĉar evidente estas ke Delegito, kiu varbos 30 membrojn en urbo de cent mil loĝantoj faros malpli da laboro ol Delegito, kiu varbos 15 en urbo de 3000 loĝantoj, kaj ne estus juste eksigi la duan kaj gardi la unuan.

S-roj *Christen* kaj Roodie parolas por la propono. S-ro Christen diras, ke oni povus fiksi la minimuman nombron de membroj varbotaj jare laŭ la nombro de la loĝantoj en la urbo. S-ro G. Warnier respondas, ke ankaŭ tio estus arbitra, ĉar oni devas konsideri ke la varbo de membroj multe dependas de la stato de la esperanto movado, kiu estas tre variebla.

La dezirespremo pri Raporto 4 estas malakceptita (nur tri personoj voĉdonis por ĝi).

La dezirespremo pri Raporto 5 estas unuanime akceptita kaj speciala aprobita.

La dezirespremo pri Raporto 5 estas subtenita de S-ro *G. Chavet* (Del. Paris) sed li proponis, ke la societoj de specialistoj ĉiam havu la rajton aliĝi al U. E. A.

La jena dezirespremo :

« La Kongreso de U. E. A. en Washington, aŭdinte la raporton de S-ro *Th. Kempe*, esprimas la deziron, ke oni akceptu kiel " Esperantiajn Entreprenojn " nur industriajn entreprenojn, firmojn, hotelojn, neesperantajn societojn, kaj esperantajn societojn de specialistoj, sed estonte ne plu akceptu esperantitajn propagandajn societojn kiel " Esperantiajn entreprenojn " estas unuanime akceptita.

La dezirespremoj pri Raportoj 7 estas 8 unuanime akceptitaj.

Pri la Raporto 9, S-ro *Warden* (Edinburgh) proponas ke oni malakceptu la dezirespremon. Li diras, ke oni jam alkutimiĝis al la vortoj " " Delegito " kaj " Konsulo " kaj opinias ke " Delegito " estas tute taŭga vorto por nomi personon kiu rekte reprezentas la Asocion.

S-ro *G. Chavet* subtenas la proponon de S-ro Warden, kaj insistas por ke oni forĵetu tute la vorton " Konsulo " kiu en multaj landoj estas ridinda, kiam ĝi aplikiĝas al Esperantisto.

D-ro *L. L. Zamenhof* forte aprobas la proponon de S-ro Chavet forĵeti la vorton " Konsulo ".

La dezirespremo pri Raporto 7 estas unuanime malakceptita, kaj la Kongreso varme rekomendas al la Komitato elekti vorton pli taŭgan ol " Konsulo " por nomi la helpantojn de la Delegito.

La dezirespremo 10 (pri Esperanto-Oficejoj) estas unuanime akceptita.

Pri la raporto 10 (Reformo de l'Kalendaro) S-ro Warden, kiu dum kelkaj jaroj studis la demandon opinias ke la demando estas tre interesa sed ke oni ne povas aprobi de nun definitivan sistemon.

S-ro *Warnier* ankaŭ subtenas la proponon, kaj S-ro *Chavet* rimarkigas, ke oni devas nur aprobi principe la proponon.

D-ro *L. Zamenhof* diras ke la demando estas plej interesa kaj proponas, ke oni resendu ĝin al la Komitato de U. E. A. por atenta esplorado kaj preparo de Raporto al la venonta Kongreso de U. E. A.

Anstataŭ la dezirespremo de S-ro *Rousseau*, la Kongreso de U. E. A. en Washington proponas la jenan kiu estas unuanime akceptita :

La Kongreso principe akceptas la proponon de S-ro *Th. Rousseau* pri reformo de l'Kalendaro kaj varme subtenas ĝin. Ĝi petas la Komitaton de U. E. A. funde studi la demandon kun la helpo de kompetentaj personoj kaj prezenti detalan raporton pri la afero al la venonta Kongreso de la Asocio.

La dezirespremoj pri Raportoj 11 kaj estas unuanime akceptitaj.

La Kongreso ne ricevis la tekston de la Raporto 13 kaj sekve ne diskutis ĝin.

La dezirespremoj pri Raportoj 14 kaj estas unuanime akceptita.

La Kongreso dankas S-ron Vogler pro liaj interesaj raportoj 15 kaj 16.

La dezirespremoj pri raportoj 17 kaj estas unuanime akceptitaj.

La Kongreso ne ricevis la tekston de la Raportoj 19 23 kaj 25 kaj sekve ne diskutis ilin.

La dezirespremoj pri Raportoj 20 21, 22, 24 kaj 26 estas unuanime akceptitaj.

*La Sekretario :*
G. Warnier.

# PRI KARAVANO AL SKOTLANDO 1910

Post longa korespondado kun samideanoj en Skotlando mi proponas aranĝi sub la aŭspicioj de U. E. A. internacian karavanon al Skotlando antaŭ la kongreso en Antverpeno 1911. Ĉiuj, krom la Britaj partoprenontoj, renkontiĝos en Rotterdam. S-ro Heydleyince el Leeds sendis al mi jenan

*Skizon de la programo*

Por rondvojaĝo el Rotterdam ĝis Edinburg kaj Glasgow (par aliaj lokoj Skotaj) laŭ Hull, Leeds, York kaj Berwick.

Merkrede: Ni forlasos Rotterdam, 8 h 0 vespere.

Jaŭde : Alvenos Hull, 11, 30 matene ; Forlasos Hull, 12, 30 kaj alvenos Leeds 2, 22 meztage.

Akcepto k.t.p. (aŭ se preferinde, oni povus resti pli longan tempon en Hull.)

Vendrede : Pasigos la tagon en Leeds, vizitos fabrikejojn k.t.p. (ni poste povos aranĝi bonegan programon).

Forlasos Leeds 18, h. nokte vespere kaj alvenos Edinburg sabaton frume.

Sabate, dimanĉe, lunde, marde : Edinburgh, Glasgow, k.t.p. (vidu planon IIa).

Marde, nokte : Forlasos Glasgow, 10, 5 nokte kaj alvenos York 5, 0 merkredon frumatene.

Merkrede : Pasigos la tagon en York (vizito al la mondfama Katedralo « Minster » urbaj muroj, malnovaj kasteloj k.t.p. tre vizitindaj) ; Forlasos York 4, h. posttagmeze por Riverside Hull. (Riverborda kajo Hull) per boatvagonaro alvenanta je la 5, 30 vespere ; forveturos al Rotterdam, 6, 15 vespere, kaj alvenos tien je la 10-a matene.

La vojaĝkosto por 16-taga bileto ekskursa :

| | Angla mono | | Sm. |
|---|---|---|---|
| | S. | D. | |
| Rotterdam ĝis Leeds 3-a klaso kaj salono | 25 | 0 | 12.50 |
| 5 taga bileto ekskursa Leeds ĝis Glascow : (nur eldonata ĉiuvendrede en la nokto ĉirkaŭ la 10-a) | 9 | 6 | 4.75 |
| tuto | 34 | 6 | 17.25 |

La vojaĝo el Glasgow finiĝos ĉe York, kaj la pasaĝeroj ricevos la permeson specialan iri rekte al Hull.

Laŭ plano dua oni uzos iom pli da tempo por viziti la vidindaĵojn. S-ro James Robbie, Edinburgh proponas jenon :

1-a Taga vizito de Edinburgh.
2. Edinburgh-Stirling ĝis Perth.
3. Perth ĝis Aberden, Ballader, Balmoral, Breamar.
4-5. Breamar al Inverness.
6 Inverness per vaporŝipo tra Caledonian canal ĝis Fort William, vizito de la monto Ben Navis.
7. Fort William ĝis Oban per vaporŝipo.
8. Oban ĝis Glasgow vaporŝipe.
9. 10. Vizito de Glasgow.
11. Al Stirling tra famaj Thorsachs, Loch Lomond, Loch Katrine.
12. Tra Loch Leven, transirante Forth Bridge al Edingburg.

Pri la kostoj li skribas :

« Fervoja, vaporŝipo kaj veturilo Sm. 23,25. Vizito de Aberdeen al Breamar (laŭvola).

Tria klaso en vagonaroj. Tio estas kre konforta eĉ lukŝa.

En vaporŝipo vi povos veturi, unuan klason por 7 1/2 Sm. plu, sed mia opinie, estas tute nenecese. Sekve : 6 Sm.

Kosto de hoteloj (entute 13 noktojn) 58.

Se vi restos nur unu semajnon en Skotlando, la hotelkosto estos proksimume 29 Sm.

La kalkulo estas po unu persono ; se vi garantios, 20, 30, aŭ 40, la individua kosto estos pli malmulta. La hotelkosto estas por tagmanĝo (vespere) kaj matenmanĝo.

Tria manĝo (je tagmezo) devas esti plie kalkulata, car ĝi okazos daŭre la vojaĝon, kaj povas esti laŭvole, multe aŭ malmulte. Kompreneble, la hotelkostoj en Skotlando estas pli multe ol en ĝeneralaj kontinentaj landoj. Bonvolu noti ke la ĉi supra kalkulo kovras ĉion de alveno en Edinburgh ĝis foriro (esceptinte la trian manĝon). »

En posta letero li skribas interalie :

« La sumo kiun mi citis estas la maksimumo (la plej alta) por ĉiu vojaĝanto rilate la aferojn detalitajn. *Kompreneble, se 20 venus, la kosto po ĉiu estus pli malkara, sed la ĝustan mi ne povas diri.* Oni povas tial certiĝi ke la vojaĝkosto estos kiel mi citis, sed se 20 aŭ pluaj venus, estus iomete da rabato.

Rilate la trian tagmanĝon, se la vojaĝantoj ĝuos la precipan manĝon tagmeze, la trian manĝon (teo kun pano, kukoj kaj konfitaĵoj) oni povas alpreni po 0.50 Sm. tage. Tial la plua 14-taga kosto, estos 7 Sm.

| | | |
|---|---|---|
| Vojaĝo (al Skotlando) de Hamburg | 42 » | Sm. |
| Vojaĝo interne de Skotlando | 29 25 | — |
| Hotelkostoj | 65 » | — |
| | 136 25 | Sm. |

Mi povas certigi ke en preskaŭ ĉiu urbo kie vi loĝos, vi trovos Esperantistojn kiuj bonvenus vin. Aparte de tio, eble iuj Esperantistoj akompanos vin daŭre de via ekskurso (plezurvojaĝo) por pli precize klarigi al vi la vindindaĵojn de nia lando. Tiuj kiam mi aŭdos ke la vojaĝo efektiviĝos, mi klopodos aranĝi tion, kaj mi ne dubas ke mi bone sukcesos, kaj ke via vizito al Skotlando estos memorinda vojaĝo. »

Bone! Mi nun petas :

1) Niajn britajn samideanojn, ke ili kiel eble plej baldaŭ skribu al mi, ĉu ili rekomendas tian planon aŭ proponos plibonigojn ?

2) Ĉiujn eksterlandajn gesamideanojn, kiuj estas pretaj partopreni tian vojaĝon al Skotlando, ke ili sin turnu al mi kaj skribu siajn dezirojn. Mi klopodos por ke unu persono aŭ societo aŭ komercisto estu la entreprenanto kaj per tio oni havos *kuponaron* por ĉio. La prezo devos esti maksimume de Rotterdam por la tuta vojaĝo 100 Sm. Mi mem partoprenos.

La karavano kun kuponaro nur estos aranĝita se minimume 20 personoj ĝin partoprenos, tial mi petos baldaŭan informon.

Dr M. Kandt, *komitatano U. E. A.*
(8, Neuer Markt, Bromberg, German.)

# Pri la Peresperanta Komerco

De longe la praktikemaj homoj de nia samideanaro opinias ke Esperanto kaj komerco estas nedisigeblaj, kaj efektive, ilo kiu ebligas la interŝanĝadon de ideoj tute taŭgas por interŝanĝi komerĉaĵojn. Tiun opinion havas pli kaj pli granda nombro da komercistoj, antaŭuloj, kiuj jam uzas nian lingvon, niajn instituciojn kaj organojn por dissendi siajn produktaĵon ĉien sur nia globo.

Tiuj homoj meritas la simpation de ĉiuj samideanoj, kaj devas esti favoritaj de ili. Memkompreneble, komercistoj kiuj ne timas elspezi monon por presigi katalogojn, prezarojn, prospektojn en esperanto por ilin dissendi al samideanoj kaj ankaŭ al multaj personoj kiuj neniam aŭdis paroli pri nia lingvo estas bonegaj propagandistoj, ĉar ili montras por *faktoj* ke ili konvinke trovas nian lingvon taŭga kaj tiel akcelas nian movadon en la uza kampo.

Iliaj agoj estas tre gravaj por la propagando de Esperanto. Estus do necese por ni, samideanoj, varbi pli kaj pli en nia rondo tiajn progresemajn komercistojn aŭ industriistojn. Ni sperte sciaj ke tiu varbado estas malfacila pro la rutinaj kutimoj, sed malgranda sukceso kompensas la penojn.

En okazo de malsukceso, mi povas sciigi al niaj esperantaj amikoj tute bonan manieron varbi, vole *nevole* la komercistojn al nia afero. La rimedo estas simpla kaj facila, kaj jam estis provita :

Oni devas rimarki ke en ĉiu esperantista grupo de iom grava urbo estas multaj komercistoj aŭ komercoficistoj. Kelkaj tiaj fervoraj agemuloj kuniĝu kaj kreu oficon de tradukado esperanta por la eksportado, de enlandaj produktoj. Ili antaŭe interkonsentu kun fabrikistoj de tuj komercaĵoj, kaj laŭ kondiĉe, reklamu esperante por ili en niaj esperantaj organoj.

La mendleteroj estus adresataj en la oficejo mem kiu ilin tradukus kaj transdonus poste al la interesatuloj. Oni komprenas senpene kiun bonan propragandon por nia afero, oni farus apud komercisto, homo esence praktikema, kiam oni alportus al li mendojn varbitajn per Esperanto. Li estos, de tiam, almilitita al mia movado.

Plie, tia organizado estas profitiga al ĉiuj.

1° Al la komercistoj. ĉar per esperanto, ili ricevos mendojn el multaj landaj kun kiuj ili neniam komercis, kaj ne bezonante sciis la enlandajn lingvojn.

2° Al la esperantaj tradukistoj kiuj povos iom gajni per sia esperanta scio, samtampe ke ili konigas la produktojn de sia regiono kaj montras la efikecon de nia lingvo kaj la taŭgecon de niaj organizaĵoj kiel U. E. A.

3° Al la aĉetontoj, precipe geesperantistoj, kiuj povos aĉeti senpere siajn komerĉaĵojn en la fabrikeja lando mem kaj tiamaniere ŝpari grandajn sumojn.

4° La uzo de nia kara lingvo en tiuj rilato tre propagandus kaj montrus al la skeptikuloj ke esperanto estas la sola universala komprenilo por interrilatoj komercaj kaj aliaj.

Provo de tia peresperanta oficejo jam estas farita en Saint-Etienne, Francujo (Esperantista Eksportoficejo, 58, rue Mulatiere), kaj donis tute kontentigajn rezultatojn.

Vere estas ke en tiu tre industria regiono de Francujo la peresperantaj aferoj estas facilaj ĉar tie estas fabrikataj tute universe uzataj artikloj kiel rubando, veluro, punto, pafiloj, bicikletoj, mekanikaj iloj k.t.p.

En nia vastega esperantujo troviĝas multaj similaj rgionoj kiuj povus havi sian esperantan aŭ esperantian eksport-aŭ importoficejon. Tia iniciativo estas imitinda kaj ni pensas ke niaj agemaj samcelanoj sekvas tiun ekzemplon por la bono de niaj lingvo kaj movado.

Nur la praktikaj institucioj esperantistaj kaj praktikemaj homoj alkondukos nian aferon al la fina venko.

Esperantiano 44.581.1.

### La Internaciaj Kongresoj de 1911 en Italujo (Sekvo) (1)

*Kongreso de filozofio.* — Ĝi okazos en Bologna dum la Peskaj festoj de 1911. La fakoj estos jenaj :

1. Ĝenerala filozofio kaj metafiziko.
2. Historio de la filozofio.
3. Logiko kaj teorio de la Scienco.
4. Moralo.
5. Filozofio de la religio.
6. Filozofio de la juro.
7. Estetiko kaj metodiko de la kritiko.
8. Psikologio.

La raportoj devas esti senditaj al la Komitato (placo Calderini, 2) antaŭ la 1a da januaro 1911. Por la raportoj kaj en la kunsidoj estas allasitaj la kvar lingvojn : Franca, Angla, Itala kaj Germana.

Kotizo 25 frankojn aŭ 10 Sm.

La Esp.-ianoj kiuj deziras veturi Italujon dum 1911 ĉu por viziti la ekspoziciojn de Romo kaj Torino ĉu por ĉeesti internaciajn kongresojn estas petataj sendi sian adreson al S-ro A. Tellini, Del. de U. E. A. en Bologna, stato Vallescura II.

La Esperantistoj kiuj havas informojn pri kongresoj okazontaj en Italujo dum 1911 estas petataj ilin sendi resume al la redakcio de ĉi tiu ĵurnalo. La komitato de la Ekspozicio de Torino respondis ke ĝi ne havas enmiksiĝon en la organizado de la kongresoj ; pro tio mi ne povis koni la liston do la kongresoj okazontaj en Torino. Samideanoj, helpu min en la redakto de ĉi tiu rubriko.

A. Tellini.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 septembro.

# Esperanto-Movado

La plej malagrabla tasko estas kronikigi la Esperantan Movadon, ne havante preskaŭ materialon. Sed tio ne estas la kulpo de la Movado Esperantista, ĉar troviĝus sufiĉe multe da citindaj faktoj sed la kaŭzo estas, ke antaŭ ne longe okazinta internacia kongreso okupas la kolonojn de la Esp. ĵurnaloj, ne lasinte lokon al la ceteraj faktoj. Kaj pri la kongreso ni devas silenti laŭ la ordono de nia estimata Redaktoro, kiu jam havas specialan raporton pri ĝi.

*Franca Esperantisto* N. 9 (oktobro).

La Centra Komitato de la Rodana Esp. Federacio, kiel ni jam skribis en nia antaŭa kroniko invitis la francajn Esp.-istojn, por ke ili rekomencu la propagandon inter la deputatoj de la franca parlamento, por ke ili subtenu la projekton de Godart-Cornet, celanta la enkondukon de Esperanto en la francan instruadon.

En sia oficiala artikolo nomata « La deputatoj kaj Esperanto », la suprenomita Centra Komitato informas, ke : « Ĝis la 20-a de septembro estis de la F. E. R. ricevitaj de multaj grupoj 35 favoraj respondoj de deputatoj » ..... « Tiuj respondoj estas tre kuraĝigaj kaj montras la tutan simpation de niaj reprezentantoj por nia kara lingvo Esperanto kaj nia movado »..... « La sperto montris, ke el 8 demanditoj deputatoj almenaŭ 5 respondis kaj ĉiam favore. Restas la demando, unue ĉu oni povas fari precizajn konkludojn el promesoj de deputatoj..., due ĉu la Esp.-istoj estas pretaj por tia oficialigo. Interesa entrepreno ĵus fondiĝis en St.-Etienne : Esperantista eksportoficejo (Adreso : 58, Rue Mulatière). Ĝi celas, perante inter la aĉetantoj kaj vendantoj de unu flanko diskonigi la produktaĵojn de sia regiono, de la alia pli faciligi la unterrilatojn kaj forigante la multajn perulojn plimalkarigi la produktaĵojn je 15-36 %. Ni tre rekomendas al la Esp.-istoj uzi tiun novan ilon por la propagando de nia ideo.

La ĵurnalo *Lyon Républicain* decidis presigi kiel eble plej ofte esperantiajn tekstojn, kinjn la legantoj estas petataj traduki kaj, por ke ili povu korekti sian tradukaĵon, ĝi publikigos la francan tekston en la numero de la antaŭ montrita dato, same kun la teksto.

Estas kontentiga rezultato, ke la provincaj ĵurnaloj ekimitas la ekzemplon donitan de *Le Petit Parisien*.

La Urbestraro de Sotteville-les-Rouen, doninte salonon por Esperantaj kursoj poste esprimis unuvoĉe deziron, ke la helpa lingvo estu enkondukita en la programojn de la publika instruado ĉiugrade.

La vojaĝstipendion de la Burgonia Federacio dum tiu jaro gajnis (120 Sm.) S-ro R. di Rienzi, kiu vizitas Belgujon, Nederlandon kaj Grandan Britujon.

**Germana Esperanto-Gazeto**, No 16 (Aŭgusto).

S-ro Emil Leu proponas fondon de Esperantista politekniko. Bazante sur la neceseco por fremduloj, amase studantaj en la germanaj universitatoj ellerni la malfacilan germanan lingvon li alvenas al la ideo de kreo de supera lernejo kiu povus plifaciligi la studadon. Ĉar tia lernejo ne povus atingi la rangon de supera lernejo ŝtata li konkludas ke tiu universitato devas esti politekniko. Li proponas ĝian fondon en Supera Silezio. Tiu demando estas certe studinda, sed grava demando estas ĝia praktika realigebleco, kiu ŝajnas esti tro mafacila por la nuna tempo. Ĉar eĉ se ni trovus tiun bonvolulon kiu konsentus malfermi tiun instituton, se eĉ li konsentus ĝin bazigi sur Esperanto, kaj eĉ supozante, ke la studontoj ne mankos, la ŝtato ne tiel facile solvos la demandon kiel ĝin solvas S-ro Leu. Tamen la demandon estas sufiĉe interesa kaj celinda, ne pro la motivoj kiujn montras la aŭtoro (por pligrandigi la intereson al Esperanto en Supera Silezio, kaj ĉe la teknikistoj de la tuta mondo kaj precipe en Germanujo), ne, ĝi estas diskutinda simple por vidi ĉu eble io estas atingebla en tiu rilato. — Nova grupo de presistoj kaj kompostistoj fondiĝis en Magdeburg. Kelkaj kursoj malfermiĝis en la sama urbo. S-ro Stark faris paroladojn en Salzwedel kaj Stendal — « Kaufmannischer Verein Frankfurt a/M. », dissendis Esp. cirkuleron por plifaciligi la oficistigon de vojaĝistoj, libroteniistoj, korespondistoj, skribmaŝinistoj vendistoj, magazenistoj kaj prokuristoj.

**Der Arbeiter-Esperantist** (Aŭgusto) No 1

Oficiala organo de la germana laboristara esperantista ligo (Adreso : Leopold Scklaf, Dresden-Striessen, Betrischstrasse, 41). La nova ĵurnalo estas preskaŭ tute redaktata germane kaj celas la propagandon de Esp. ĉe la laboristaro.

**Ondo de Esperanto**

En Rusujo la Movado pliviglig̃as. Fine, eĉ la Odesa urbestraro komprenis (aŭ eble oni ĝin komprenigis), ke malhelpi la kulturan entreprenon de la Esp.-istoj estas sufiĉe malagrabla afero, ĉar pri tio la samaj Esp.-istoj povas ja per sia komprenebla helplingvo konigi tra la tuta mondo kaj fine en Odesa fondiĝis Esp. grupo. Ĝenerale legante la rusajn esperantistajn ĵurnalojn oni tro ofte renkontas la vorton : « Fine », kiu, jam per si mem montras, kiujn barojn niaj rusaj amikoj ĉiam malhelpataj devas labori por havi la elementan eblecon fundi grupojn, malfermi kursojn aŭ organizi paroladojn. Ŝino Gulbe kaj S-ro Ŝabunieviĉ sukcesis ektimigi la Moskvan policon. Ili komencis viglan propagandon inter la instruistoj de la popolaj lernejoj, kiuj alveturis Moskvon por la someraj sciencaj kursoj. La intereso estis tiel granda ke 420 personoj vizitis la kunvenon de la Moskva grupo por ricevi informojn pri Esperanto. Memkompreneble, ke la Moskva polico ektremis kaj postulis specialan permeson (krom la permeso kunveni), « por tia kvanto da informiĝantoj ». Post longaj klopodoj la incidento estis finita, la permeso ricevita kaj la instruistoj havis la eblecon dum trifoja kolektiĝo konatiĝi kun Esperanto kaj speciale kun U. E. A. « Tiu ĉi propagando » skribas la korespondanto de « La Ondo Esperantisto », estis tre grava, ĉar la instruistoj alvenis el plej diversaj kaj malproksimaj regionoj de Ruslando, kaj reveninte hejmen, certe multe el ili serioze lernos nian lingvon kaj pluen disvastigos ĝin.

Krom la fondita en Odesa grupo fondiĝis el Elisavetgrad kaj Melitopol.

Kursoj malfermiĝis en Serpuŝov, Stavropol kaj Saratov.

La unua kunveno de moraviaj esperantistoj okazis — laŭ la iniciato de « Bohema asocio esperantista » — en Luhaĉovice, tre taŭga por fariĝi esperantista somera kolonio. Okazis kunveno en kiu S-ro Krumphole, parolis pri « Signio de Esp. por pligrandiĝo de fremdulaj vizitoj ĝenerale kaj en Luhaĉovice speciale » ; en tiu ĉi kunveno estis akceptita rezolucio, en kiu oni petas de aŭstriaj ministroj de la publikaj laboroj kaj de la komerco, ke ili atentigu ĉiujn interesatajn instituciojn pri la signifo de Esp. pour subtenado de fremdula movado, por komerco kaj industrio, kaj en kiu oni petas de la ministro de fervojoj, ke kiel al la germannacia personaro rilatiĝanta kun fremduloj estis donita germana libreto pri esperanto (de J. Borel), tiel estu donita al la bohemnacia personaro bohema lernolibreto pri esperanto (de Ĉejka). Vespere estis publika esperanta debatvespereto kun temo « Pri manieroj de la propagando » ; la interesa diskuto estis komencita de D-ro Kamaryt per esperanta parolo « Ĉu idea movado povas estis neŭtrala ? », multaj parolantoj partoprenis. Poste oni diskutis pri internaj aferoj de bohemaj esp.-istoj ; ĉar en la kunveno partoprenis la partianoj de l'ambaŭ centraj unuiĝoj de bohemaj esp.-istoj kaj ĉiu povis libere, sincere esprimi sian opinion, la diskuto estis tre vivoplena kaj bone montris la dezirojn de la kunvenintaro. Ĝenerale oni bedaŭris la disiĝon inter bohema esperantistaro kaj ĉiujn farojn fortigantajn la malpacon : la kunvenintoj, Asocianoj kaj Unionanoj, ĉiuvoĉe akceptis la rezolucion al la prepara komitato por aŭstria Esp.-tago, ke « Bohema unio esperantista » kaj « Esperanto-Verein Verda Stelo » invitu « Boheman asocion espe.-antistan » kunlabori en la dua aŭstria esperanto-tago. Lunde estis publikaj ekzamenoj pri esperanto, kiujn kunestis multaj personoj. La kunveno de moraviaj esperantistoj sekvata kun intereso de diverslandaj banejgastoj faris grandan propagandon kaj multe helpis por la Esp. afero en Bohemaj landoj. Oni deziris, ke ĉiujare okazu tiaj kunvenoj.

**La Holanda Pioniro** (Septembro, No 12).

Interesa jarraporto de la holanda societo Esp.-ista » La Estonto estas nia » Dum la lasta jaro (1909-1910 fondiĝis 4 novaj grupoj : 1 — La Rosendala Grupo Esp. « La Limpioniroj » en Roosendaal ; 2 — La Apeldorna Klubo en en Apeldoorn ; 3 — la « Baronia Stelo » en Breda : 4 — La Tramkonduktora klubo « ĉiam Antaŭen » en la Hago. Krom tiuj kvar grupoj fondiĝis ankoraŭ 4 kiuj dum 1909 ne aliĝis a la societo. Malaperis 1 grupo. La societo havas nun 10 filiojn kun 315 membroj. La enspezoj estis $ 382. 73, la elspezoj $ 374.91. La profito de la jaro financa do estas $ 7.82. La ekzamena komisiono ekzamenigis 33 kandidatojn el kiuj 26 ricevis ateston pri kapableco. La nombro de la aperintaj dum la pasinta jaro artikoloj pri esperanto en nederlandaj ĵurnaloj superas 1.500.

**Cuba Esperantisto** (Aŭgusto No 1).

Oficiala organo de la Cuba societo por la propagando de Esp. (Adreso : Antonio Aleman Ruiz, Santa Clara Cuba). Bonvenon al nia nova kolego.

**Laborista Esperantisto** Septembro No 1

Oficiala organo de la Ĝenerala Haga Esperanta Laborista Klubo (Adreso : R. Coomans, Falckstraat, 175, Hago, (Nederlando). Abonprezo : $ 0.60 jare. Sukceson kaj daŭran vivon al la nova aperinto.

S. S.

**En Bruxelles**, dum kontraŭdira parolado, inter S-ro leŭtenanto Giminne, malamiko de Esperanto kaj nia eminenta kunbatalanto S-ro Prof. Carlo Bourlet, tiu lasta pruvis kun mirinda logiko kaj klareco, kiom multe Esperanto superas, laŭ logika vidpunkto, ĉiujn aliajn internaciajn lingvojn, eĉ la plej lastajn, kiuj pretendas esti plibonigoj de nia lingvo. Lo entuziasmo de la aŭskultantaro ĉe la fino de la parolado lasas nenian dubon ke nia energia defendanto trafis la celon.

Du tagojn poste, S-ro C. Bourlet, denove en la bona batalo, preparis per bonega parolado la malfermon de nova kurso en la Popola Universitato de Sorest-lès-Bruxelles.

## Korespondado

TISTEDALM (Norvegujo). — S-ro Emil Andreassen. — P. I. el Petersburgo, Bruselo, Hago, Berlino, Madrid, Ateno, Konstantinoplo, Bukaresto, Belgrado.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro B. Goldman, studento-filologo. — Malij Cerniŝevskij per. d. 9/12 kvo 6.

OLOMOUC (Aŭstrio-Moravio). — F. R. Kroutil, P. I. L.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro J. Gabor, VIII, Prater ut. 16, I. 11. P. I.

DÉMUIN par MOREUIL (Francujo-Somme). — S-ro Karl, L. : kun gealidanduloj.

CHARS (Francujo - S.-et-O.). — F-ino Langlois Suzanne. L. P.-I., P. M. sur vid.-fl. (Prefere kun fraŭloj-fotografistoj).

VYS CHLUMEC (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro E. Dohnal. P. I.

KŒNIGSBERG (Germanujo). — S-ro Johannes Schwaiger, Hochmeister Str. 15. P. I.

BUKAREST (Rumanujo). — S-ro N. Nikolov, b.-d. Ferdinand, 68 (nur kun samideanoj el Berlino kaj Parizo).

UFA (Rusujo). — N. Foss, veterinaro. L. P. I. nur kun neeŭropanoj.

MELBOURNE (Aŭstralio-Victoria). — S-ro Harry H. Perrott, d-ro The Australian Deposit and Mortgage Bank Limited, 267, Collins Street. P. M., P. I.

'S-HERTOGENBOSCH (Nederlando). — S-ro Y. Pasteur, Postbox, 5.

KOSTROMA (Rusujo). — Boriso Pankratov, lernanto de la 7-a klaso ĉe reala lernejo. — (Pri korpa edukado kaj nacia gimnastiko kun ĉiulandanoj kaj pri la Ekstrema Oriento kun Japanoj.

EAST MAITLAND (Australio, New South Wales). S-ro H. Burges, kun alilanduloj interesantaj pri Geologio.

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Karl Gierth, Ammonstr., 61.-II.

KOSTROMA (Rusujo). — Miĥaelo Bulkin, laboristo ĉe la « Linmanufakturo de l'Fratoj Zotov. (Ĉe F-ino A. Ŝarapov, 13, str. Mŝanska, Kostroma). — S-ro Hadji efendi Safarov, tatara antaŭurbo. — F-ino Vera Troickaja, blinda muzikistino. (Kun geblindoloj kaj iliaj amikoj ĉiulandaj). Učiliŝĉe dla slepyĥ (Blindulejo).

DRESDEN (Germanujo). — S-ro G. Wirenius, Bergstrasse, 33. P. I., P. M., L. (kun france, kiu korektus miajn france skribotajn leterojn).

SAN FELIU DE GUIXOLS (Hispanujo-Katalunio). — S-ro Rosendo Reixach, Sto Algabera N-o 1 kaj S-ro P. Campistol Bosart, Sto Gerona N-o 49.

TARRASA (Hispanujo). — S-ro José Ventura, kaj S-ro José Ventura, kaj S-ro Luis Marti, Str. Baldrich, 37.

SAINT JEAN-DES-VIGNES (Francujo, S. et L.). — F-ino Madeleine Bretin, rue Morinet, P. I.

SAINT JEAN-DES-VIGNES (Francujo, S. et L.). — S-ro Marcel Bretin, rue Morinet, P. I., P. M., L.

DUSSELDORF (Germanujo). — S-ro P. Lersch, 39, Konkordiastr., P. M., P. I. (sendos tuj samvaloran kvanton).

MONTEVIDEO (Uruguay). — S-ro Carlos Charrier, Tetrito, 84 b., P. I., P. M.

PLEVEN (Bulgarujo). — S-ro N. Peĉigargov, P. I., L.

FUSAN (Koréa-Azio). — S-ro Masaru Oba, Customs (P. I., Jesu-Kristo aŭ Sankta Mario kun samideanoj en tuta mondo).

DRESDEN N-22 (Germanujo). — S-ro Johann Pretschner, Leipziger, Str. 101., P. I.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Antonio Abad, No 21-3o (korresp. angle, france aŭ Esperante), P. I., P. M.

UFA (Rusujo). — F-ino F. Uporava, Centralnaja ul. XII. Gorodskoe prihodskoe učiliŝĉe, P. I., L.

KOMAROV U HOROVIC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro B. Zadak, instruisto, kun geinstruistoj, P. M., P. I.

VILNO (Rusujo). — Hivinskaja Str. 42, S-ro Miĥaelo Stabrovski, P. I., L. — Hivinskaja Str. 21, S-ro Eŭgeno Garvaski, P. I. L. — Aleksandrovski bulvardo, 23, S-ro Bernardo Zalmanson L. P. I. kun komercaj temoj. — Junkierski zaulek, 5, f-ino Mario Doviakovska, P. I. — Aleksandrovski bulvardo, 23, S-ro Kivelo Gerŝaler, P. I. kun alilanduloj.

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, interŝaĝoj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, P. I.

## Petoj kaj Proponoj

OFICON serĉas dekokjara Ruso, ekslernanto de reala lernejo, en germanaj landoj aŭ en Ameriko. Konas desegnadon, iom esperante, germane kaj france. — Oni adresu : F-ino A. Ŝarapov por T. Stepanov, 13, Str. Mŝanska, Kostroma (Rusujo).

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj al nordo. Eksport-kaj-import-komisionoj. Adreso : G. Klefe, Untertave., 8, Lübeck (Germanujo).

PENSIONO. — Lausanne Villa « Les Mouettes ». — Gesinjoroj Andreassian, profesoro kaj Delegito, akceptas kelkajn pensionulojn-ĉiuj modernaj komfortoj — centra hejtado, elektra lumo, banĉambro — superba vidaĵo sur la Lago Lemano, — hejma vivado. — Oni parolas ĝenerale france, angle, esperante.

JURNALOJ. — Fr. Baliĉek, instruisto en Cerveny Kostelec (Aŭstrio-Bohemujo), petas pri sendado de la naciaj jurnaloj de ĉiuj landoj. Interŝanĝe li sendos P. K. aŭ boheman gazeton.

MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ.— Marŝu antaŭen, Esperantianoj..., k. t. p.

Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni al l'aŭtoro en Firenze, nia Esperanto-Oficejo via del l'Agnolo 48.

Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).

VINTRAJ SPORTOJ por ESPERANTISTOJ. — Thos. Cook kaj Son plezure sciigas ke ili jam faris aranĝojn pri internacia Vintra Festo kiu okazos 17an ĝis 24an Januaro 1911, en Champery (Svisujo). La programo enhavas plenan informojn pri la tagaj sportoj kaj la vesperaj distraĵoj, ankaŭ pri loĝado, kaj la vojaĝarangoj de la ĉefaj urboj en Eŭropo. Postulu ekzempleron ĉe THOS. COOK kaj SON, Ĉefoficejo. — LUDGATE CIRCUS, LONDON.

ĈU VI AMAS belajn kantojn? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavanta 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

MI DEZIRAS AĈETI ekzemplerojn de Esperantaj Rondirantaj gazetoj (malnovaj kaj nuntempaj) litografie aŭ hektografie presitaj. Ankaŭ mi deziras akiri, per aĉeto aŭ interŝanĝo, kelkajn malnovajn. Esp. jurnalojn. Bonvole skribu tre legeble. H. T. Baitey, 31, Caversham Road, Kentish Town, London.

GAZETISTOJ ! — Mi petas miajn kolegojn kaj ne-jurnalistojn sendi al mi (por presigi en gazeto) aktualajn leterojn, kiuj okazos interesaj faktoj en la politiko, sociala kaj alia fako, katastrofoj, k. t. p. Mi volonte sendos tiajn leterojn el mia lando al ĉiuj, kiuj volas interŝanĝi tiajn korespondaĵojn kaj sciigos al mi ilian nomon kaj adreson S-ro J. Pastoor, gazetisto, 's Hertogenbosch (Nerlando).

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverley and Co, Manchester.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

ŜPARMONO 4%. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en-pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges par Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

## Komercaj reklamoj

### ĈAMPANO ESPERANTO

Por sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay-Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.40, 1.40, 2 laŭ kvalito; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al : S-ro WILLERMOZ, U. E. A., N° 19 - 44.94.1 ĝeneralo reprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

Oni petas pri fidindaj subagentoj.

*Quai Lunel, 24, Nice, France.*

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por kolekto aŭ pri ekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm· 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, sesllingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Ĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

DELEGITOJ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de ilo kaj maŝinoj por buĉistoj.

*La Administranto (Gérant)*: MICHAUD
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 n-oj), afrankite 4 $. Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*